


kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 1

1994 julio 23 sabato

## Bonvenon al Seulo!

Bonvenon al la 79-a Universala Kongreso de Esperanto!

Tio ĉi estas la oficiala "kongresa kuriero" — la tagĵurnalo de la UK. Ĝia nomo *Kvieta Mateno* devenas de populara voknomo de Koreio. Ĝi aperos ĉiumatene (sed ne frue en la mateno, bedaŭrinde) dum la kongreso, escepte de merkredo, la ekskursa tago.

*Kvieta Mateno* celas informi kongresanojn pri gravaj eroj de la kongreso kaj ĝia ĉirkaŭo, atentigi pri necesaj detaloj, kaj anonci la neeviteblajn ŝanĝojn en la programo, kaj aliaj ĝisdatigoj al la kongreslibro.

Ni esperas ankaŭ aperigi anekdotojn interesajn kaj amuzajn rilate al la kongreso. Tial, ni petas al ĉiu kongresano, se vi scias pri iu nekutima kaj interesa okazaĵo, bonvolu sciigi la redakcion de *Kvieta Mateno*! Ne kaŝu tiajn juvelojn for de la aliaj kongresanoj...

Krome, por akurate raporti pri la eventoj, ni bezonas la kunlaboron de multaj kongresanoj. Ĵurnalistoj kaj verkemuloj bonvenas por raporti pri kongreseroj — bonvolu sin anonci ĉe la redaktejo en la ĉambro de gazetara servo. Kaj, ĉiu respondeculo pri fakaj kunsidoj kaj aliaj specialaj eventoj, bonvolu senprokraste plenigi la raportilon pri la evento, kun mallonga raporto. Ĝin liveru al la redaktejo, aŭ metu en unu el la skatoloj indikitaj por *Kvieta Mateno*. Ili troviĝos ekster la oficejo de LKK, kaj apud la enirejo de la kongresejo.

Antaŭdankon pro via kunlaboro!

— la redaktoro, kongresnumero 401

## Busoj al la kongresejo

Regulaj senpagaj busoj veturas inter la kongresejo (*Sheraton Walker-Hill*) kaj kelkaj lokoj en Seulo. Tamen, la informo pri tiuj irvojoj presita en la kongreslibro estas ne aktuala. Jen ĝusta informo:

irvojo A: **kongresejo ⇔ vendejа kvartalo *It'aewon***

7h30 – 22h30 ekiras ĉiun horon

irvojo B: **kongresejo ⇔ metrostacio *Kangbyŏn***

kun haltoj ĉe fabriko *Motorola* kaj apartamentaro *Hyundai*

6h00–23h20 iras ĉiun 20-an minuton.

irvojo C: **kongresejo ⇔ ĉirkaŭo**

rondiras inter la kongresejo, bazaro *Kuui*, hospitalo *Dongbu*, kaj la finhaltejo de buso 522.

6h00–23h20 iras ĉiun 30-an minuton.

Krome, estas speciala buso matena kaj vespera inter **hotelo *Dong Seoul*** kaj la kongresejo. Ĝi ekiras de hotelo *Dong Seoul* je la 8h00 kaj la 8h30 matene. Vespere ĝi revenos al hotelo *Dong Seoul* ekirante de la kongresejo je la 18h15, kaj la 23h00.

Tamen, troviĝas escepto: nur en mardo kaj ĵaŭdo, la dua buso ekiros de la kongresejo pli frue, je la 22h30.

### kongresejaj telefonoj

Jen telefonnumeroj gravaj por la funkciado de la kongreso.

| | |
|---|---|
| LKK-oficejo | 447-5581, -2 |
| kongresa kuriero | 447-5583 |
| loĝado, turismo | 447-5584 |
| informejo | 447-5585 |
| fakso | 447-5586 |
| amasloĝejo | 447-6291 |

## Antaŭ la UK en Siberio

Andrej Grigorjev (kn 203)

Ĵus antaŭ la 79a UK finiĝis la 31-a OrSEJT (Orienta Siberia Esperanta Junulara Tendaro), internacia Esperanto-renkontiĝo, kiu okazis en siberia urbo Krasnojarsk (Rusio) je 1994 julio 11–20.

Al tiu renkontiĝo venis 110 esperantistoj el Rusio, kaj 30 el aliaj eŭropaj landoj. La alilandanoj venis en karavano trajna el Belgio, Francio, Germanio, Svislando, kaj Nederlando, survoje al la UK en Ĉh'ŏnan, Koreio. Ili nun estas en Pekino, kaj venos ŝipe al Koreio.

La organizanto de OrSEJT, Krasnojarska Esperantista Klubo, invitis gastojn en komfortan ripozejon en *tajgo* (siberia arbaro) apud fama siberia rivero *Jenisej*.

La programo enhavis diversajn aranĝojn, ĉirkaŭ la temo "sano". En la Rusia Vespero, gastoj kaj gastigantoj kune kantis esperantlingve rusajn kantojn, kaj ludis ludojn kun rusa gusto. Ekzemple konkurso: kiu plej rapide manĝas laŭvice panon kun kukumo, citronon, densigitan dolĉan lakton, kaj fine, torton.

Dum tago de sano okazis "Neptun-festo". Sed, certe "najlo" de la programo estis ekskursoj al natur-rezervejo *Stolbi* kaj al krasnojarska akva elektrocentralo.

Kiel kutime, okazis Esperanto-kurso por komencantoj, lignofajro vespera, kaj kelkaj koncertoj. En "karavana vespero", la eŭropaj karavananoj prezentis divers-etnajn kantojn precipe en Esperanto.

Ĉe la renkontiĝo, krasnojarska esperanto-poeto Aleksej Ĵuravlov lanĉis novan poezian libron *Versoj Diversaj*.

Al la partoprenantoj prezentiĝis freŝa ankaŭ la 8-ŝa numero de internacia Esperanto-gazeto eldonata en Krasnojarsko *Amikaj adresoj*. Ĝin oni povas vidi ankaŭ dum la UK.

# KONGRESA RESTORACIO

En la kongresejo troviĝas pluraj restoracioj plej altkvalitaj kaj luksaj. Se via buĝeto permesas, bv. libere provi ilin. Sed, iliaj prezoj agordas kun la luksa servo, kaj ne ĉiuj kongresanoj pretas pagi tiom. Feliĉe, troviĝas alia eblo.

*Sheraton Walker-Hill* aranĝas por nia kongreso specialan manĝservon je prezoj rimarkinde pli moderaj ol en la normalaj kongresejaj restoracioj. La esperantista manĝejo situas en la bela salono Sunfloro (*Sunflower*) en subtera etaĝo de la kongresejo. Ĝi servos tagmanĝon inter la **11h30 kaj 14h30**, kaj vespermanĝon je **17h30 – 20h00**.

Menuo estas en Esperanto. Oni aĉetu manĝkuponon laŭ la menuelekto ĉe la manĝejo.

Tamen, bonvolu noti ke en iuj tagoj la manĝejo funkcios neregule. Jen la esceptoj:

**Hodiaŭ, sabaton, 1994 julio 23**, ĝi funkcios por tagmanĝo en la ĝardeno apud salono Sunfloro. Vespere ĝi ekfunkcios en la salono mem.

En **merkredo, la 27-a** (ekskursa tago), ĝi servos nur vespermanĝon, ne tagmanĝon. Ekskursantoj tagmanĝos ekster la kongresejo.

En **vendredo, la 29-a**, vespermanĝo estos ĉe la naĝejo, ne en Sunfloro. Bonan apetiton!

# Programŝanĝoj

Jen rubriko pri plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

## hodiaŭ, sabato, 1994 jul 23

Pro malfavora veterprognozo kaj nekutime abundaj kuloj, la **Interkona vespero** (20h00–23h00) okazos ne ĉe la naĝejo, sed en la salono **Sunfloro** (*Sunflower*), kiu situas en subtera etaĝo de la kongresejo (la sama ĉambro kiel la kongresa manĝejo). Ĉiu partoprenanto ricevos senpage unu kuponon por biero, kaj eblos aĉeti pluajn, aŭ aliajn refreŝigaĵojn. Kun agrabla muziko kaj bela ĉirkaŭo, ni profitu la Esperantan etoson por interkonatiĝi kun novaj kaj malnovaj amikoj.

## morgaŭ, dimanĉo, 1994 jul 24

La **urbestra akcepto** (12h30–14h00) okazos ne en Ĵelezo, sed en salono **Lapenna** (*Cosmos*). Bonvolu noti, ke la akcepto estas por nur tiuj kiuj ricevis invitilon en sia koverteto ĉe la kongresa akceptejo, aŭ kiu ricevis ĝin rekte el la mano de LKK. Tiu ĉi evento estas formala. Ĉiuj invititoj bonvolu sin vesti dece kaj estu jam sidanta en la salono dek minutojn antaŭ la komenco. Ni ne insultu la urbestron per malfruaj eniroj.

Pro tiu ŝanĝo, la enkonduko al la **kongresa temo** translokiĝos de Lapenna al la salono Ĵelezo.

La **koncerto** (21h00) ne okazos (pardonpetas la LKK). Anstataŭe, okazos **pupteatra prezento** je la sama horo (21h00), en la salono **Ĵelezo**.

La **filmvespero** (21h00–22h15) translokiĝos al salono **Lapenna** (do ne en Ĵelezo). Bv. vidu la informon pri la kino sur paĝo 3 en tiu ĉi kuriero.




## vendredo, 1994 jul 29

La **aŭkcio** (17h30–19h00) okazos ne en Lapenna, sed en la salono **Ĵelezo**.

## ekskursontoj al *Panmunjom* (ekskurso *E2*)

Pro granda intereso pri tiu ĉi ekskurso, necesis iom modifi la antaŭan planon. Tial estos du aŭtobusoj. Unu, kun japanlingva ĉiĉeronado, ekiros je la 7h30 de la kongresejo. La dua ekiros de la kongresejo je la 8h30. Tiuj kiuj aliĝis al tiu ĉi ekskurso ricevis en sia koverteto detalan informon pri kiu el la du busoj li aŭ ŝi apartenu. Ne eblos veturi per la alia buso, do nepre alvenu al la enirejo de hotelo *Sheraton* kelkajn minutojn antaŭ la ĝusta ekirhoro.

Ĉar *Panmunjom* estas ankoraŭ en tikla situacio, bv memoru la jenajn postulojn:

- Nepre kunportu vian pasporton.
- Oni ne permesas bluĝinzojn, sandalojn, kaj similajn malformalajn vestojn. Vestiĝu dece! Hararon kombu kaj, se necese, katenu.
- Ĉion ajn apartenantan al la nordkorea flanko en la MAC-konferencejo oni <u>ne tuŝu</u>.
- Oni nepre ne kontaktu, nek respondu iel ajn al soldatoj aŭ deĵorantoj de la alia flanko.

## postkongreso P1 al insulo *Cheju*

Laŭ la programo la postkongresa ekskurso al insulo Cheju estis planita ekiri je la 9h00 matene, la 31-an de julio.

Tamen la ekiro devas okazi horduonon pli frue, je la 8h30. Oni petas ke vi venu kun viaj valizoj dek minutojn antaŭ la 8h30 al la enirejo de hotelo Sheraton.

Vi revenos la 2-an de aŭgusto al Seulo kaj tranoktos en hotelo Seoul Palace. Tiuj el vi kiuj la 3-an de aŭgusto iros al Japanio (postkongreso p2) estos transportitaj rekte de la hotelo al la flughaveno.

Ni deziras al vi ĉiuj agrablan kaj ripozigan ekskurson.

# Esperantigita kino por tiuj kun nur *"Manpleno da tempo"*

La LKK preparis por la kongreso interesan ekzemplon de la korea kinarto, kun Esperantaj surskriboj. Oni prezentos ĝin morgaŭ (dimanĉo la 24-a) je la 21h00, en la salono **Lapenna** (notu la salonŝanĝon!).

La kino, *"Manpleno da tempo"*, rakontas pri malsana arkeologia profesoro el Germanio kiu revenas al sia naskiĝurbo por alfronti sian pasintecon antaŭ ol morti. La sceno estas malgranda apudmara vilaĝo en la korea provinco *Sudu Chungchŏng*, en la malfruaj 1930-aj jaroj. Tra la rakonto, la memoroj kaj pensoj pri la vivo de la profesoro vagas tra tempo.

Malnova domego kiu nun estas ruino fariĝas la loko por la lastaj tagoj de la profesoro. En sia rememoro li alfrontas homojn el la antaŭo kiuj nun ne plu estas — lian patrinon, lian patron, lian amatinon, kaj lin mem kiel infanon.

Renkonto kun bela kaj mistera ŝamano kontrastas kun grupo de lepruloj vagantaj de loko al loko kvazaŭ forĵetaĵo. Iso kaj aso (nuno), vivo kaj morto, belo kaj putro sin ripetas alportante la veran signifon de la fluo de tempo.

Tiu ĉi rakonto invitas nin pensi pri la belo kaj signifo de la vivo, kiun la profesoro faras per sia morto. Kvankam vivo mallongas kaj apenaŭ postlasas spuron, kiom bela kaj valora ĝi estas!



# Pupteatro prezentas korean koron

Dimanĉe, la 24-an de julio, en salono Ĵelezo okazos unika teatra prezento de pupteatra grupo Sonangdang. Per pupoj, muziko, danco — per ĉia teatra rimedo escepte de vortoj — artisto SHIM U-song prezentos sian teatraĵon *Kampokanto de Suda Regiono*. Ĝi daŭros 50 minutojn, kaj komencos je la 21h00.

Interplektante muzikon tradician kaj modernan, SHIM U-song uzas pupojn kaj aliajn ilojn de ŝamanismaj ritoj, kun dancoj kaj gestoj bazitaj sur tiaj ritoj, por senvorte komuniki al la spektantaro. La rakonto aludas al la dispartigo de Koreio, kaj parte funkcias kvazaŭ ŝamanisma rito por resanigi la landon.

## Helpon!

Se vi bezonas helpon aŭ informon rilate al la kongreso, bonvolu turni vin al membroj de la LKK kaj iliaj helpantoj. Facile oni rekonas ilin pro la belaj rubandoj surbrustaj — verdaj por LKK kaj ruĝaj por helpantoj. Iuj diras ke ili rekoneblas pro la mieno de zorga okupiteco, sed tio ne estas fidinda indiko!

# Esperanton amuze de *Mazi*

Novan vidbendon oni preparas por instrui Esperanton al infanoj (ĉia-aĝaj). Internacia Esperanto-Instituto en Nederlando kunlabore kun ILEI organizas la entreprenon, profesiuloj efektivigas ĝin, kaj por la unua fojo, esperantistoj povos vidi eron de ĝi freŝe preparita antaŭ la UK.

Kadre de la *Tago de la Lernejo* (antaŭtagmezo de mardo, 1994 julio 26), en salono Lapenna, s-ro Roman DOBRZYŃSKI prezentos la projekton, kaj montros ekzemplon. Laŭ plano, tio okazos ĉirkaŭ la 11-a horo.

Temas pri Esperantigo de jam sukcesa animita vidbendo farita por brita televido por instrui anglan lingvon al infanoj. Ĝi estas jam tradukita al kelkaj aliaj lingvoj, kun kontentiga sukceso. Ne nur infanoj ŝatas ĝin. La vidbendo, *Mazi en Gondolando*, temas pri simpatia eksterterano (*Mazi*) kun aspekto kaj vidpunkto iom diferencaj el tiuj de ordinaraj teranoj.

Laŭ plano, la vidbendo kaj akompanaj lernolibroj finpretiĝos post unu jaro, sed nun eblas ekvidi parton de ĝi, kaj eventuale kontribui al la projekto.




## IKU-prelegoj

Kopion de la teksto por la prelegoj en la serio Internacia Kongresa Universitato oni vendos ĉe la prelegejoj kelkajn minutojn antaŭ la prelegoj. Unu ekzemplero kostas mil ŭonojn.

## mapo de la kongreseja ĉirkaŭo




## Ekumena Diservo
## Kunvenu ĉiuj kristanoj!

*dimanĉo 1994 julio 24 (18:00-20:00)*

La diservo okazas ĉe la preĝejo *Kwanjang* proksime de la kongresejo. Se vi volas partopreni en la diservo, bonvole amasiĝu antaŭ la ĉefa pordo de la kongresejo, je la 17h30 hodiaŭ. La diservo komenciĝos je la 6-a ptm. kaj oni faros Sanktan Manĝon ĉe la diservo.

La vojo al la preĝejo de la kongresejo havos indikilojn por gvidi kongresanojn.

- Prediki: pastoro Bak Namsoo
- Biblio: *La Agoj* 2:37–47
- Titolo: *Al la komunumo — Sonĝo de homaro*

## etaj informoj

Eblas ŝanĝi monon en la akceptejo de hotelo Sheraton, apud la kongresejo.

Kongresa **poŝtoficejo** funkcias je la 9h00–18h00 ĉiutage (ankaŭ dimanĉe) escepte de sabato, apud la informejo ĉe la kongreseja enirejo. En sabato ĝi funkcias je 9h00–13h00. Tamen dum tagmanĝa paŭzo (13h00–14h00) la poŝtoficejo estos fermita. Dejoras du poŝtistoj; unu estas esperantisto.

En tiu ĉi kongresejo, oni absolute **ne rajtas pendigi afiŝojn**. Kongresanoj kiuj deziras afiŝi, bonvolu sin turni al la LKK por permeso uzi la oficialan afiŝtabulon.

En la kongresejo, la UEA-libroservo estas la sola rajtigita vendisto de varoj. Kongresanoj kiuj deziras ion vendi dum la kongreso, demandu al la libroservo (s-ro Pasquale Zanelli) pri ebleco komisii al la libroservo vian varon por vendi. Ekster la libroservo oni ne rajtas vendi.

## Renkontu aŭtorojn

Semitaj tra la kongresa semajno estas apartaj horduonoj por renkonti diversajn Esperanto-aŭtorojn. Ili dejoros en tiu periodo en la salono Kalocsay, kie situas la libroservo. Kongresanoj povos renkonti ilin, peti subskribon de iliaj verkoj (kiujn oni povas aĉeti en la libroservo), kaj interparoli.

La unua tia "aŭtora duonhoro" komenciĝos en **dimanĉo, la 24-a** de julio je la **17h30**. Dejoros Anita Altherr, kies verko *Malfacilas esti Sloveno en Italio* lasttempe kaptas la atenton de multaj esperantistoj.

En ĵaŭdo la 28-a de julio, je 16h30, bharata aŭtoro Probal Dasgupto renkontos la kongresananojn. Li verkas en kelkaj lingvoj. Jam aperis du libroj de li Esperantigitaj: *Primico* de R. Tagore, kaj *Mi juna* de lia patrino. Lasttempe esperantistoj ekinteresiĝas pri lia libro en angla lingvo, *The Otherness of English — India's Auntie tongue syndrome* (La alieco de angla lingvo — la hindia sindromo pri 'onklina lingvo').

Aŭtorojn por la postaj "aŭtoraj duonhoroj" oni anoncos en postaj numeroj de *Kvieta Mateno*.

## Kia revo!

Reago de amaskomunikiloj pri la ĉi-someraj Esperantaj eventoj en Koreio estas relative bona, kun pluraj raportoj kaj elsendoj. Unu radi-elsendo estis aparte atento-kapta, tamen. En 1994 jul 13, je la 8h30, tutlanda FM-radi-stacio *KBS-2* elsendis en sia dulingva (korea kaj angla) novaĵelsendo informon pri la 79a UK. Oni tiel aŭdis, tre klare en angla lingvo, ke al la UK venos 17 000 partoprenontoj! Por tia kongreso, ĉu ni luu la olimpikan stadionon?

## UK famiĝas per koreaj amaskomunikiloj

Jam la novaĵo pri Seula UK vaste informiĝas en la koreaj enlandaj amaskomunikiloj. Koreaj ĉefaj ĵurnaloj kaj gazetoj aperigis artikolojn pri Esperanto kaj pri la Seula Universala Kongreso. Ĝis nun publikiĝis artikoloj entute sur 13 ĵurnaloj kaj gazetoj. Kaj tio sendube kontribuis multe por diskonigi Esperanton en Koreio, kie ankoraŭ konsideriĝas angla lingvo kiel la internacia lingvo. Ankaŭ kun intereso KBS (Korea Elsenda Stacio) televide hieraŭ intervjuis la LKK-prezidanton, por informiĝi pri la kongreso.




세계 에스페란토대회 23일 개막

세계 71개국서 2천여명 참석




kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 2

1994 julio 24 dimanĉo

## Pri la 60-a IKBE

*raportas Nor kaj Rob* MOERBEEK *(kn 96, 97)*

Ĝuste antaŭ nia UK, de la 14-a ĝis la 21-a de julio, 123 partoprenantoj de la Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj ĝuis la gastamon de sanatorio en la rusa urbo Kislovodsk. La kongresa temo "La brajla skribo nun kaj estontece" rezultigis rezolucion, direktitan al Monda kaj Eŭropa Blindulaj Unioj kaj postulantan ke blinduloj mem decidu pri la formo de sia skribo.

Dua rezolucio petis sendoganan kaj senprokrastan traktón de sendajoj por blinduloj kaj egalrajtigon de porblindulaj leteroj kaj revuoj sur kasedaj kaj komputilaj disketoj. Ĝi estis adresita al la samaj unioj kaj Internacia Poŝta Unio.

En la programon eniris du kunsidoj de LIBE*, en kiuj oni trovis solvon membrigi ankaŭ esperantistojn el eksa sovetunio. Ĉe landaj raportoj pruviĝis ke en kelkaj el tiuj landoj mankas eĉ brajla papero kaj lernejaj bezonaĵoj. La situacio restas danĝera en Taĝikio, el kiu venis unu kuraĝa instruistino. Ĝenerale inter la Esperanto-instruantoj estas multaj instruistoj. Ornamis la tuton multaj muzikaĵoj kaj kantoj, kies tekston prezentantoj estis mem tradukintaj.

Ekskursoj kondukis al du kilometra alteco, de kie eblas vidi Elbruson, kaj al Pjatigorsk, la urbo de Lermontov, kies vivon kaj verkon oni jam antaŭe ekkonis en prelego kun deklamado.

En Kislovodsk mem interesis triobla parko kun Lenin-monumento, cetere la fontoj de narzano (heroiga mineralakvo kun diversa konsisto laŭ la fonto) kaj la muzeo de la fama kantisto Ŝaljapin.

En la alta temperaturo ankaŭ la etoso estis tiel korvarmiga, ke apenaŭ plendoj aŭdiĝis ke "funkcias aŭ la varmakva aŭ la malvarmakva krano aŭ la mikrofono..."

Apartan laŭdon ricevis la organizantoj L.a. Anatoli MASENKO, kiuj en malfavoraj cirkonstancoj devis trovi eĉ alian loĝejon por la kongresanoj. Ankaŭ Nadja ĴUKOVA certe perdis multajn dormhorojn, brajlante tekstojn por 14 anstataŭ la antaŭviditaj du partoprenantoj de ŝia kurso pri la rusa lingvo.

* Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj

## Novaj honoraj membroj de UEA

En sia unua kunsido dum la 79-a UK, la komitato de UEA decidis aligi al UEA du novajn honorajn membrojn kun longaj karieroj de esperantista ĵurnalismo.

Ada FIGHIERA-SIKORSKA, post eventoriĉa sed tragika knabina vivo, eklernis Esperanton en 1956 en Varsovio, kun Julio BAGHY kiel sia unua kursgvidanto. Ŝi tuj ekaktivis en la Esperanto-movado, kaj estis dungita en la unua stabo de la Esperantaj elsendoj de Pola Radio en 1959. En 1962 komenciĝis ŝia vera vivoverko: ŝi fariĝis redaktoro kaj eldonanto de *Heroldo de Esperanto*. Dum pli ol 30 jaroj ŝi realigis jam pli ol 500 numerojn de tiu populara gazeto.

Raymond GONIN, malgraŭ blindeco ekde la infana aĝo, atingis vastan klerecon, ekz. konon de pluraj lingvoj. En 1930 li trafis lernolibron de Esperanto, entuziasme eklernis la lingvon, kaj en 1932 jam partoprenis en sia unua UK en Parizo. Li estis unu el la iniciantoj de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (LIBE), fondita en 1951. Li konstante ludis gravajn rolojn en la funkcio de LIBE, inkluzive de pli ol 30 jaroj kiel redaktoro de ĝia organo *Esperanta Ligilo*. Kun siaj edzino kaj filo li formas unu el la plej entuziasmaj, kleraj kaj aktivaj Esperanto-familioj en Francio.

### Por infanoj

Je la 14h00 hodiaŭ, dimanĉe la 24-an de julio, malfermiĝos infanvartejo en la kongresejo. Interesatoj bv. demandu pri la detaloj ĉe la informejo.

## Programŝanĝoj

Jen la plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

### hodiaŭ, dimanĉo, 1994 jul 24

La **urbestra akcepto** (12h30–14h00) okazos ne en Ĵelezo, sed en salono Lapenna (*Cosmos*). Bonvolu noti, ke la akcepto estas por nur tiuj kiuj ricevis invitilon en sia koverteto ĉe la kongresa akceptejo, aŭ kiu ricevis ĝin rekte el la mano de LKK. Tiu ĉi evento estas formala. Ĉiuj invititoj bonvolu sin vesti dece kaj estu jam sidanta en la salono dek minutojn antaŭ la komenco. Ni ne insultu la urbestron per malfruaj eniroj. Pro tiu ŝanĝo, la enkonduko al la **kongresa temo** translokiĝos de Lapenna al la salono Ĵelezo.

La **koncerto** (21h00) ne okazos (pardonpetas la LKK). Anstataŭe, okazos **pupteatra prezento** je la sama horo (21h00), en la salono Ĵelezo.

La **filmvespero** (21h00–22h15) translokiĝos al salono Lapenna (do ne en Ĵelezo). Bv. vidu la informon pri la kino sur paĝo 3 en tiu ĉi kuriero.

### mardo, 1994 jul 26

Du el la prelegoj pri la kongresa temo interŝanĝos siajn okazhorojn. En salono Hong, **Kongresa temo 4** pri *Aziaj esperantejoj* okazos je la **12h00–13h00**, kaj **Kongresa temo 5** pri *Historiaj aspektoj* plifruiĝos al la **11hoo–12h00**.

### vendredo, 1994 jul 29

La **aŭkcio** (17h30–19h00) okazos ne en Lapenna, sed en la salono **Ĵelezo**.

La **ekskurso al aŭtofabriko** (D6) ekiros 30 minutojn pli frue ol antaŭe anoncita. Ekskursontoj kolektiĝu antaŭ la giĉeto de agento *Hanjin* en la kongresa enirejo, por ekveturi je la **8h30**. (Ĉiu ekskurso komenciĝos ĉe la giĉeto de *Hanjin*.) Pro striko, ne eblas viziti la fabrikon de *Kia*, kiel planite, sed anstataŭe oni vizitos fabrikon de *Daewoo*, kiu produktas, inter aliaj, la aŭtomarkon *Espero*.

## Artistoj serĉatas

Se vi estas artisto preta prezenti vian arton dum la Adiaŭa Vespero (anstataŭ "internacia arta vespero"), bonvolu kontakti la LKK-anon pri artaj aranĝoj, s-ino Choi Yun Huy, (*Hortensio*). Ŝi deĵoros en la oficejo de LKK, atendante la sinproponojn, en la jenaj horoj:

hodiaŭ (dimanĉo), 1994 jul 24, 19h00–20h00

morgaŭ (lundo), 1994 jul 25, 13h00–14h00

mardo, 1994 julio 26, 13h00–14h00

ĵaŭdo, 1994 julio 28, 13h00–14h00 (la lasta ebleco)








# Radio-amatoroj esperantumas etere

Korea Esperanta Radio-Amatora Klubo (KERAK) organiziĝis en 1994.

Ni radio-amatoroj ĉefe uzas nian lingvon dum la kontakto per radio. Tio fakte estas tre signifa al ni esperantistaj radio-amatoroj.

Ni havas planon kontakti 20 000 radio-amatorojn dum la UK. La nombro estas pli granda ol la UK-partoprenantaro! Dum la UK, ni disvastigos Esperanton tra tuta Koreio kaj tutmonden. Samtempe ankaŭ la sistemoj funkcios por la kongresaj aferoj per radia reto.

Nia stacio instaliĝis ĉe la tria etaĝo en la koridoro antaŭ la ĉambro *Daffodil*. Kongresanoj vizitu nian stacion por vidi ĉu ni sukcesas nian kontaktcelon.

Koreaj kaj japanaj radio-amatoroj planas havi amikecan renkontiĝon je la 18h00 en la 28-a de julio en la restoracio *Kabin*. Tio estas historia evento, kaj ĉiuj radio-amatoroj estas bonvenaj.

La renkontiĝo signalas etendiĝon de nia movado en la nova kampo.

## Unua-fojaj kongresanoj

Jen en sabato, la 23-a, 130 novaj kongresanoj ricevis informon, kuraĝigon, kaj orientiĝon pri la UK kaj ĝiaj apartaj kodoj. Jen raporto de unu el la "unuafojaj kongresanoj".

S. S. Pradhan, Bharato (kn 1276)

Estis la 3-a horo, multaj e istoj estis sidantaj. La salono estis kvieta. Ĉi tiu estas la formala unua kunveno por la unuafojaj kongresanoj. La dolĉa kaj kuraĝiga voĉo de s-ino Michela Lipari ŝanĝis la etoson, ĉiu estis malstreĉita.

S-ino Lipari klarigis kiel plej bone utiligi la kongres-partoprenon. La kongreso vere havas multe da programeroj, do, ŝi klarigis la temojn de diversaj programeroj kaj ŝi sugestis ke oni devas zorge elekti siajn ŝatatajn programerojn kaj noti ilin en la kongresa libro mem. Ŝi klarigis aliajn gravajn erojn kiel kongresa gazeto, kaj la kongresa nomkarto kiuj faciligas la identigon de esperantistoj.

S-ro So Gilsu parolis pri sia sperto de la unuafoja partopreno en UK en 1974 en Hamburgo. Lerte kaj sincere li klarigis kiel gajni maksimume per la partopreno en la UK. Sugestoj estis tre praktikaj, ekzemple, unuan tagon parolu kun ĉiuj sed malmulte.

La malsamaj prononcoj de Esperantoj literoj de malsamlandaj esperantistoj malfaciligas kompreni la paroladon, sed, post kelkaj renkontoj, oni facile komprenas ĉiustilajn prononcojn. Amikiĝu tre bone kun nur kelkaj geesperantistoj, ne kun ĉiu esperantistojn.

Kelkaj kuraĝuloj tuj uzis la okazon kaj mallonge prelegis.

Ĝis la fino de la kunveno ĉiuj partoprenantoj estis certaj, ke ili facile partoprenos kaj multe gajnos per ĉi tiu kongresa partopreno.

# Riĉiga Antaŭkongreso en Kyŏngju



La oficiala antaŭkongreso kondukis 43 esperantistojn el dek landoj al urbo *Kyŏngju* kaj la budhisma templo *Heinsa*. Jen tri partoprenintoj raportas.

## Ĉio Dependas de mi

raportas s-ino Louise MARIN, Francio (kn 155)

Multajn antaŭ- kaj post-kongresojn mi jam partoprenis, sed unuan fojon al la turismaj informoj pri itinero, pejzaĝoj, monumentoj, historio kaj landa kulturo, aldoniĝis instruado laŭ aziaj filozofioj. Pro tio la titolo de mia raporto, kiu estis la moto de nia tritaga ekskurso.

Nia gvidanto lertege tradukis la informojn de la korea ĉiĉerono kaj aldonis multegon, sprite, amuze, humure, neniam tede. Ĉiu ĉerpis el tiu ne kutima instruado dum turisma vojaĝo, tion kion sia/lia spirito pretis akcepti en tiu momento de la vivo.

La koreaj temploj kiujn mi malkovris, estas nun ligitaj al agrabla ritmo, al senstreĉiĝo, al interna pripensado pri mi mem. Je la fino, mi sentas min pli riĉa, ne nur pro la unuaj bildoj pri Koreio, sed pro kelkaj intimaj pensoj, kiuj venis el la fundo de mi mem, danke al nia gvidanto So Jinsu. La etoso estis bona, mi eksentis internan pacon, akorde kun dolĉa montara pejzaĝo kaj trankvilo de Budho.

raportas s-ro Jean MARIN, Francio (kn 153)

Malfacile estas diri en kelkaj linioj kiom agrabla, riĉa, altkultura estis tiu antaŭkongreso: bone elektita programo, senriproĉaj materiaj kondiĉoj. Sed, pli ol ĉio (eble, ĉar mi mem, kvankam profesie pedagogo, ofte rolis kiel gvidanto en internaciaj vojaĝoj), mi devas diri mian admiron por niaj gvidantoj. Preter simpla traduko de turismaj informoj ĉiuspecaj, ni ricevis rimarkindan enkondukon al Koreio: ĝia historio, ĝia kulturo, kaj, ĉefe, ĝia animo. Kaj por mi, pli grava ankaŭ ol ĉio, enkonduko kaj malkovro (por mi eŭropano) de tiu mirinda azia toleremo, humanisma sento, respekto al la naturo kaj profunda serena saĝeco kiu tiom mankas al ni eŭropkulturanoj. Por mi, nur Esperanto povas ebligi tiom nuancan, profundan kaj valor-plenan riĉiĝon — kiu povas plenigi, serenigi, kaj riĉigi internan vivon.

Dankon, al niaj koreaj amikoj pro tiuj nekompareblaj donacoj.

raportas s-ino Ana MONTESINOS, Hispanio (kn 888)

Ankaŭ mi ofte havis eblecon aŭskulti al, kaj paroli kun, nia gvidanto pri multaj diversaj aspektoj de la korea kulturo kaj mi povus preskaŭ ripeti ĉiujn vortojn el s-ro MARIN kiel miajn. Plej interesis min la koreaj pensoj kaj sentoj, ilia profunda sinteno al la vivo.

En nia aŭtobuso ni subtitolis tiun ĉi antaŭkongreson *"Ĉio dependas de mi"* kaj interese estas ke en la daŭro de nur du tagoj tio transiris el anekdota frazo al vera instigo rigardi nin mem el nova, pli pozitiva, pli feliĉiga maniero. Krom esti tre bela kaj agrabla tempo en la korea Esperantujo kaj tiamaniere lasi belajn memorojn en mi, mi estas certa ke ĝi lasis semon en mia animo kiu havos fortan influon en mia sinteno al mi mem kaj al la mondo ĝenerale, kaj mi ja tutkore dankas ke tiu renkontiĝo inter tiuj ideoj aŭskultotaj kaj mia animo aŭskultonta, kiel diris So Jinsu, okazis.

## Oficiala ginsengo?

Tra sia historio la Universala Kongreso havis multajn subtenantojn, ne nur esperantistajn sed ankaŭ komercajn. Ne malofte tiuj subtenantoj rajtas sin reklami kiel "oficialan flugkompanion" aŭ "oficialan vojaĝagenton", ktp. Sed verŝajne neniam antaŭe ekzistis "oficiala ginsenga kapsulo" — tio devas esti unu el la pluraj senprecedencaĵoj de tiu ĉi UK.

La ginsenga produkta kompanio *Hanil* malavare subtenis la kongreson finance, kaj tial rajtas reklami sian produkton kiel oficialan por la UK. Detalan informon pri ĝi oni povos (la kongreso-sakoj, kompreneble) trovebla en la kongresejo, kaj ĉe la aparta giĉeto de *Hanil*. Por iuj tiuj kapsuloj povos esti solvo al grava sanproblemo; por aliaj ĝi eble estos nur kuriozaĵo. Tamen, ĝi estas *oficiala* kuriozaĵo!

## Oomoto amase

Ĉiujare en la UK-oj lasttempe, la plej populara fakkunsido estas tiu de Oomoto. Eble pro ĝia ekzotikeco, eble pro la bela prezento de japanaj artoj, eble pro scivolemo, eble pro la energia disdonado de flugfoliaj informiloj, kongresanoj kutime ĉeestas en tiu kunsido grandnombre.

Ĉi-jare, pli ol cent oomotanoj venis al Seulo por prezenti tiun spektaklon. Tio certe estas rekorda nombro. Tamen, nur la ĉeestantoj povos ekscii, ĉu ankaŭ la prezentado estos rekorde bona. Ĝi okazos morgaŭ matene, la 25-an de julio, je 9h00–12h00, en la salono Lapeana.

### Rabatkupono haveblas

La kongresa informa giĉeto disponas pri stoko da rabatkuponoj kiuj ebligas ok procentan rabaton ĉe la sendogana vendejo en la kongresejo (apud la salono Zamenhof). Tamen, bedaŭrinde, koreoj ne rajtas uzi ilin. Alilandaj kongresanoj povas ricevi la kuponojn senpage ĉe la informejo.

*Kvieta Mateno*

# FREŜAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1687 | hkui-d | **S-ro Masaharu Hukui,** Toisi 3-10-1-603, 745, Tokuyama-si, Yamaguti, Japanio |
| 1688 | khay-g | **S-ro Kazuo Hayasi,** Adati-ku, Miyagi 1-23-5, 120, Tokio, Japanio |
| 1689 | krba-o | **Krystyna Babiarz,** ul. Szenwalda 13/6, PL-81-462 Gdynia, Pollando |
| 1690 | afit-z | **S-ro Arve Fitjar,** , NO-5240 Valestrandsfossen, Norvegio |
| 1691 | fite-l | **S-ino Eli Fitjar,** , NO-5240 Valestrandsfossen, Norvegio |
| 1692 | fitj-m | **S-ro Agnar Fitjar,** , NO-5240 Valestrandsfossen, Norvegio |
| 1693 | sfit-p | **Steinar Fitjar,** , NO-5240 Valestrandsfossen, Norvegio |
| 1694 | hema-t | **S-ro Heinz Muhsal,** An der Beeke 33, DE-47443 Moers 1, Germanio |
| 1695 | wxia-w | **Xia Wana,** Hong Gang Cheng 11 jie, 2 men, 8 hao, CN-430080 Wuhan, Hubei, Ĉinio |
| 1696 | llul-d | **S-ino Inge Lulofs,** Merellaan 11 (p/a Barlaston E.), NL-6851 CH Malden, Nederlando |
| 1697 | tuji-t | **S-ro Tu Jianyi,** Hongxing Zhongiu Chengdu Zhongyi Yiyuan, CN-610017 Chengdu-Sichuan, Ĉinio |
| 1698 | togr-e | **S-ro Trond Øgrim,** Trasopvn. 12 B, NO-0671 Oslo, Norvegio |
| 1701 | tle-i | S-ino Leonora TORRES Playa Hurnos 575 Col. Marte Del. Iztacalco 08830 Mexico, D.F. |
| 1702 | | S-ino Xionglin CAO Xi hu lu 72 hao, Nanchang 330003, Jiangxi,Ĉ inio |
| 1703 | | S-ro Shirley GRADUSSOV 47 Waverley Road Coolbellup 6163 Western Australia,Australia |
| 1704 | | S-ro Husako Hukaso HARADA Isima 1-9-30 Okayama-700 JAPANIO |
| 1705 | | S-ino Hiroko POMPILIO , Japanio |
| 1706 | | S-ro Husako MARUYAMA Saitama-ken, Omiya-si Higasi-miyasita 461-4 JAPANIO |
| 1707 | | S-ro Andrej LYSKOV, P.K.34 Moskvo, Rusio Rus-117071 RUSIO |
| 1708 | | S-ino So-Yon CHUNG, 188-30, Hyo-Ja dong,Wan-san Ku,Chun-Ju,KOREIO |
| 1709 | | S-ino Young Tae KIM #216-9 Samsun-Dong, Sung Buk-Ku SEOULO,KOREA |
| 1710 | | S-ino Min-Jae JO, 163 Chunsan 2-song Buk-ku,TaeGu, KOREIO |
| 1711 | | S-ro Hye Young Lee, 10-dong 204, Mokryon -A APT Bokhjon 2-dong Buk - ku TAEGU KOREIO |
| 1712 | | S-ino Young Ah PARK, 709-13 Bisan 1-dong Soku TAEGU KOREIO |
| 1713 | | S-ino Yun-hee SONG ,Taegu NamGu Dae Myong 1 Oong 1719KOREIO |
| 1714 | | S-nio Masumi HUZIMOTO, 31 Kubota Sakioku 606 KIOTO, JAPANIO |
| 1715 | | S-ro Soo-Yun YOU, Kayong Dong Kang, Byun APT311-506 Kang Su, Gu SEOULO,KOREIO |
| 1716 | | S-ro Do-Mun RA , 106ho Genari Jutak 391-35ho Anjang 5-dong Anjang-SI, Kyonggi-province KOREIO |
| 1717 | pngo-5 | S-ino Gerard PAING, Les Sagnes F-34390 Saint Julien Olargues, FRANCIO |
| 1718 | | S-ino Henryka OLEK,, Les Sagnes 34390 Olargues, FRANCIO |
| 1719 | | S-ro Jon-ho COI, De Mjon Don 347-23 NamGu, KOREIO |
| 1720 | | S-ro Jong-won OH , Centra Oficejo de Cirkêla Budhismo, 344-2 Sinjong-dong IRI-SI, KOREIO |
| 1721 | | S-ino Kyeng-jee PARK, 291-17 Conho 4-dong, Kangdong-ku ,KOREIO |
| 1722 | | S-ro Baiquan FAN, 46-2 Chongshan RD, East Huanggu District, Shenyang 110032 P.R.,CINIO |
| 1723 | | S-ino Su-jong ĈE, Seulo, Song-ne dong 405-23 KOREIO |
| 1724 | | S-ino Yu-sup LEE, 317-302 Olympic APT. Oryun-dong Songpa-gu SEULO, KOREIO |
| 1725 | | S-ino Chae youn NA, Shinjung-dong MOK-DONG APT 801-1102, Yang-chun gu, SEULO, KOREIO |
| 1726 | | S-ino Miyoko KAKINO, Hatoyama 13-1-243, Uji-si, KYOTO-FU, JAPANIO |
| 1727 | | S-ro Don GASPER, P.O.BOX 5985, General Post Office, HONGKONG |
| 1728 | | S-ino Eun Suk CHOI, Banpo 1-dong 726-47 ,10/3 Seocha-gu SEULO, KOREIO |
| 1729 | | S-ro Dong Han KIM, 774-13 Sinchun-dong Dong-gu, DAEGU, KOREIO |
| 1730 | | S-ro Ĉang-Hjon I, A-304 Subong APT, Nam-ku, INCHON-SI KOREIO |
| 1731 | | S-ro Tosihro YAMASITA, 89952 Kagosima-ken, Onkuti-si Oota 2332-146, JAPAIO |
| 1732 | RESE-D | S-ro Roberto RESENDE, Caixa Postal 09831,70001.970 BRASILIA (DF), BRAZILO |
| 1733 | | S-ro Kristoĉjo RESENDE, Caixa Postal 09-831,70001.970 BRASILIA(DF), BRAZILO |
| 1734 | | S-ro Hiroyuki USUI, Kasuya 1-18-2, Setagaya-ku,Tokyo-to 157 JAPANIO |
| 1735 | | S-ro Hjon HO Sin, Ĉon 3-dong, 262-8, Dong-gu Daegu, KOREIO |
| 1736 | | S-ro Jong-Hwa YOON, 3/3 755 Walgye 2-dong Nowon-Gu, SEULO, KOREIO |

## La ĝusta sako, bv. stariĝu!




La kongresaj sakoj estas aparte bonaj ĉi-jare — verŝajne multaj kongresanoj daŭre uzos ilin longe post la kongreso. Sed, kiel kutime, unu kongresa sako aspektas tute sama kiel alia. Tial, estas forte konsilinde alfiksi vian nomon kaj kongresan numeron klare videble al via sako. Kaj, bonvole atentu, kiun sakon vi prenas.

Jam okazis neintenca interŝanĝo de sakoj, pro kio dum kelkaj horoj mankis al iu kongresano pasporto kaj aliaj gravaĵoj. Feliĉe ĝi jam troviĝis.

Pri perditaj (aŭ trovitaj) aĵoj, turnu vin al la informa giĉeto apud la kongreseja enirejo.




kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 3

1994 julio 25 lundo

## UK solene inaŭguriĝis

La plej granda evento de la Universala Kongreso, la solena inaŭguro, certe lasos daŭrajn spurojn en la memoro de multaj el la ĉeestantoj — la plimulto ne antaŭe spertis similan.

Por la unua fojo en la historio de UK, partoprenis esperantistoj el Mongolio kaj Kamboĝo. Aŭdiĝis mesaĝo de d-ro L.C. ZALESKI-ZAMENHOF, nepo de la iniciatinto de Esperanto.

Honore ĉeestis ambasadoroj s-ro Thomas HARRIS de Britio, kaj s-ro Walter FETSCHERIN de Svislando. Ankaŭ s-ro Lody EMBRECHTS, dua sekretario ĉe la ambasado de Nederlando. Salutis s-ino Anneli VUORINEN, la unua sekretario ĉe la ambasado de Finnlando, la gastiganto de la venontjara UK.

Kelkaj el la landaj salutantoj, limigitaj al "unu verbo", donis saluton ne varman, sed sinceran, pro la malseka varmo ekstere kaj eĉ en la inaŭgurejo.

## Eŭropa agado: ĉu sur nova bazo?

Dum du kunsidoj en dimanĉa posttagmezo, prezidataj de Mark FETTES, estrarano de UEA pri informado kaj eksteraj rilatoj, sepdeko da kongresanoj diskutis pri la klopodoj plialtigi la prestiĝon kaj konatecon de Esperanto ĉe oficialaj eŭropaj instancoj.

La unua kunsido, sub la nomo de Eŭropa Esperanto-Unio, estis dediĉita al la specifaj kondiĉoj de Eŭropa Unio. Hans ERASMUS kaj Michael CWIK raportis pri sia laborgrupo en Bruselo, kiu celas konsciigi eŭropajn parlamentanojn kaj funkciulojn pri la lingvo-problemo kaj la kontribuo de Esperanto. Pluraj intervenoj traktis aliajn laborojn por kontakti parlamentanojn. Jean-Louis TEXIER prezentis la planojn por la venonta Esperanta Eŭrop-Unia Kongreso (EEUK), kiu okazos de la 2a ĝis la 6a de junio 1995 en Parizo.

La dua kunsido, de Agadkomitato por Federacia Eŭropa Lingvopolitiko, traktis la "grandan Eŭropon" de 32 landoj (Konsilio de Eŭropo) aŭ 54 landoj (Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo). Oni konstatis la grandan influon de Eŭropa Unio al la tuta regiono, sed ankaŭ la obeecon ke landoj ekster la Unio influu ĝian politikon. Tiel CWIK, ekzemple, kunordigas informpetojn de kelkaj landoj (Rusio, Ĉinio...) al la Uniaj instancoj, en kiuj la leteranto demandas pri la solvo de la lingva problemo en Eŭropo.

La kunvenoj faris kelkajn rekomendojn por plibonigi la eŭropan agadon. Unue, la eŭropaj landaj asocioj interkonsentu pri komuna komunikilo pri la eŭropa agado, eventuale en formo de "eŭropa paĝo" publikigota en la landaj E-revuoj. Due, la asocioj abonu aŭ regule mendu la oficialajn dokumentojn, en sia nacia lingvo, pri eŭropa lingvopolitiko kaj lingvo-instruado. Trie, laborplano estu ellaborita kaj pridiskutita en la asocioj, por posta akcepto ĉe la Eŭropa Kongreso en Parizo. Kvare, la asocioj llegu rilatojn kun neesperantistaj asocioj por disvastigi konscion pri la lingvoproblemo kaj la realeco de Esperanto.

Tiujn rekomendojn Mark FETTES postkongrese diskonigos en la koncernaj landoj. Interesitoj povas kontakti lin dum la kongreso (kn 791).

## Forumo ETNA' 95

Forumo *Etnoj kaj Naturo 1995* (ETNA '95, Slovakio, 1995 jun 26 — jul 5) estas granda esperanto-iniciato realigata helpe de la urbo kaj regiono Poprad kaj de la tuta ŝtato Slovakio. Ĝi konsistas el scienca konferenco, seminario kaj ekspozicio pri Tibor SEKELJ (mondvojaĝanto, etnografo, verkisto kaj esperantisto — ĉefa heroo de la Forumo), folklora festivalo, ekskursoj tra Slovakio, ekologia lernejo kaj ekumena celebrado de Sankta Cirilo kaj Metodio, patronoj de Slovakio kaj Eŭropo.

La tuta aranĝo estos kadre de la *Eŭropa Naturprotekta Jaro 1995* kaj havos tri ĉefajn laborlingvojn (slovaka, Esperanta, angla) kaj unu provizoran (la rusa). Esperanto servos ankaŭ kiel pontlingvo kaj Esperanto-interpretistoj en la forumo partoprenos **senpage**.

Ĝis la 1-a de aŭgusto 1994 estas minimumaj aliĝ- kaj partopren-kostoj. Vi povas pagi senhezite, ĉar la kostoj estas transdonebla al alia persono. Uzu bonŝancon kaj pagu dum al kongreso al d-ro Lev MEDVEDEV, prezidanto de la internacia foruma komitato (kn 262).

# Programŝanĝoj

Jen la plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

## hodiaŭ, lundo, 1994 jul 25

Por kongresanoj kiuj deziras iom da helpo renkonti aliajn esperantistojn por babili kaj amikiĝi, oni organizas **neformalan babilejon** kun ioma gvido. Ĝi okazos kelkfoje dum la kongreso en la vestiblo de la tria etaĝo. La unuaj du sesioj okazos hodiaŭ je la **12h00–13h00** (sub gvido de s-ino Edvige TANTIN ACKERMANN el Italio, kn 754), kaj tuj poste je la **14h00–15h00** (sub gvido de s-ino Jila SEDIGHI el Irano, kn 825).

En la ĉambro Salt (*"Lilac"*) je la **14h00** kaj denove je la **14h30** s-ro Roman DOBRZYNSKI prezentos sian plej freŝan vidbendan **kinon, *"Spuroj de la avo"***. Temas pri vizito de d-ro L.C. ZALESKI-ZAMENHOF al lokoj en la nunaj Bjelorusio kaj Litovio kie lia avo, "d-ro Esperanto", pasigis sian junaĝan tempon. Interalie videblas scenoj pri la inaŭguro de la domo de Aleksandro ZILBERNIK, bopatro de L.L. ZAMENHOF, kiel sidejo de Litovia Esperanto-Asocio.

La **kongresa balo** en salono Ĵelezo daŭros de la 20h00 ĝis la **24h00**, sed tiuj kiuj loĝas en hotelo *Dong Seoul*, aŭ kiuj reiros al la metrostacio *Kangbyŏn*, notu ke la lasta buso ekiras de la kongresejo je la **23h30**. Se vi restas ĉe la balo post tiam, restos al vi la elekto inter piediro kaj taksio por la reiro.

## morgaŭ, mardo, 1994 jul 26

Du el la prelegoj pri la kongresa temo interŝanĝos siajn okazhorojn. En salono Hong, **Kongresa temo 4** pri *Aziaj esperantejoj* okazos je la **12h00–13h00**, kaj **Kongresa temo 5** pri *Historiaj aspektoj* plifruiĝos al la **11h00–12h00**.

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la **14h00–15h00** en ĉambro Salt: unue oni montros kompletigitan parton de la nove Esperantigata animita kino por instrui lingvon al infanoj, *"Mazi en Gondolando"*. Sekvos la kino *"Spuroj de la avo"* (vidu supre).

**Neformalan babiladon** en la vestiblo de la tria etaĝo gvidos s-ino Elda DOERFLER el Italio (kn 399) je la **18h00–19h00**.

## merkredo, 1994 jul 27

### ekskursontoj al *Panmunjom* (ekskurso E2)

Pro granda intereso pri tiu ĉi ekskurso, necesis iom modifi la antaŭan planon. Tial estos du aŭtobusoj. Unu, kun japanlingva ĉiĉeronado, ekiros je la 7h30 de la kongresejo. La dua ekiros de la kongresejo je la 8h30. Tiuj kiuj aliĝis al tiu ĉi ekskurso ricevis en sia koverteto detalan informon pri kiu el la du busoj li aŭ ŝi apartenu. Ne eblos veturi per la alia buso, do nepre alvenu al la enirejo de hotelo *Sheraton* kelkajn minutojn antaŭ la ĝusta ekirhoro.

Ĉar *Panmunjom* estas ankoraŭ en tikla situacio, bv memori la jenajn postulojn:

- Nepre kunportu vian pasporton.
- Oni ne permesas bluĝinzojn, sandalojn, kaj similajn malformalajn vestojn. Vestiĝu dece! Hararon kombu kaj, se necese, katenu.
- Ĉion ajn apartenantan al la nordkorea flanko en la MAC-konferencejo oni ne tuŝu.
- Oni nepre ne kontaktu, nek respondu iel ajn al soldatoj aŭ dejorantoj de la alia flanko.

---

# Ĉu vi konas la E-movadon?

Por ĵaŭdo, la 28-an de julio, oni planas amuzan kvizon pri Esperantio. Kelkaj esperantistoj en tri-personaj teamoj konkure respondos al la elmetitaj demandoj, kaj nun oni serĉas konkurontojn. Tiuj kiuj volas provi sian scion, bv kontakti s-inon Michela LIPARI, aŭ anon de la LKK, laŭeble frue. Kaj se vi ankoraŭ ne pretas publike elpaŝi en la kvizo, venu spekti ĝin, iom plu lerni pri la movado, kaj kompari viajn respondojn kun tiuj de la konkurantoj. Ĝi okazos en salono Lapenna je la 16h30–18h00.

### Artistoj, atentu!

Se vi estas kantisto, muzikisto, dancisto, oratoro, aŭ simile talenta, kaj se vi volas prezenti vian arton al aliaj kongresanoj dum la adiaŭa koncerto (vendrede vespere, la 29-a), bv. veni hodiaŭ, lunde la 25-an, al salono Ĵelezo je la 12h00. Tie atendos vin s-ino CHOI Yun Huy, la LKK-ano pri artaj aranĝoj, kun kiu vi povas trakti detalojn pri via programero.






Hodiaŭ, lundo, 1994 julio 25, je la 11h15 okazos en la salono Hong kunveno por la **patronoj de TEJO**. Aktivuloj de TEJO bonvenigos ĉiujn patronojn kaj aliajn interesitajn mecenatojn por informi kaj diskuti pri TEJO kaj ĝia agado. Venu kaj subtenu!

## LSG informas

Hodiaŭ, lunde la 25-an de julio, je la 20h30, anoj de LSG (Ligo de samseksamaj Geesperantistoj) kaj ĉiuj interesitoj renkontiĝos por neformala informinterŝanĝo. La renkontiĝloko estas la ĉefenirejo de hotelo *Sheraton Walker Hill* (ne la kongreseja enirejo). Pliaj informoj ĉe kongresanoj 1505 aŭ 388. Ĉiuj estas bonvenaj.

## Religioj kunsidos

IRKE (Interreligia Konferenco) okazos mardon, julio 26, 12h00–13:30 ĉe salono Hodler. La ĉeftemo estos "Ĉu religiaj praktikoj povus transiri naciajn kulturojn?"

Referantoj por 10-minuta dialogo estas atendataj. **Kontaktu**: kn 832 Yosimi UMEDA

## Longa Vojaĝo al Azio

Vojaĝi per Esperanto estas vere nekutima, ekstraordinara, tre interesa maniero por vojaĝi. Vidu: ni forlasis Francion la 29-an de marto. Kvar monatojn for de nia hejmo estas grava afero, sed tuj ni eltrovis novan hejmon en granda familio de Esperantaj homoj. Dum vojaĝo ni renkontis rusajn, mongolajn, ĉinajn esperantistojn kaj nun ni faras novajn amikojn, en Seulo.

Renkontiĝoj havis diversajn aspektojn: en semara urbo estis ĝoja etoso, ni multe trinkis ĉampanvinon en iu rusa tipa bierejo, ĉiun nokton ni dormis en nova loĝejo, ĉar ĉiuj deziris gastigi nin. En KRASNOJARSK ni trovis verajn geamikojn Olga kaj Genia. Ni diskutis pri partopreno en la UK por denove interrenkontiĝi. La 23-an de en julio, la UK malfermiĝis kaj nia kora amikino estas ĉi tie: ni, danke al ŝi, ŝi eble danke al ni.

Ulaan Bator estas por ni ekzemplo de juna kaj vigla Esperanto-movado. S-ro DORĜSUREN instruas Esperanton en privata universitato al ĉirkaŭ 90 lernantoj. Kun kelkaj ĝojaj lernantoj okazis bela tago, vizito de jurta vilaĝeto.

Apud urbo XIAN (Ĉinio) ni partoprenis vivon de iu Esperanta kamparano, kaj iom partoprenis lian laboron, ĉar estis la sezono de tritika rikolto.

Finfine en ĉiuj vizititaj urboj iuj esperantistoj, rapide estiĝantoj amikoj, atendis nin ĉe la stacidomo, kaj ofte gastigis nin hejme kaj ĉiam gvidis nin por diversaj vizitoj kaj ankaŭ klopodis por helpi nin en iuj aferoj (banko, trajno, ktp). Tiel por ni, estas kiel devigo, tamen granda plezuro partopreni UK-on, kiu renkontigas similajn samideanojn.

Kompreneble ni ankaŭ tre ĝojas pro tio ke ni denove dum tiu ĉi UK renkontos kelkajn novajn geamikojn per la vojaĝo.—Henryka kaj Gerard, Francio (kn 1717, 1718)

### Rabato *kaj* donaco!

Eblas aboni la revuon *El Popola Ĉinio* dum la UK je 20%-a rabato ĉe la giĉeto de EPĈ. Krome, ĝis elĉerpiĝos la stoko, abonantoj ricevos senpagan T-ĉemizon.

## Senvorte, sed forte kortuŝe

*Pupteatra prezento de Sim U-song*

HIRAI Acuŝi, Japanio

Mi jam spertis spekti lian prezentaĵon antaŭ 7 jaroj, kadre de Komuna Seminario inter korea kaj japana junularoj. Lia prezentaĵo estas ĉiam serioza kaj pensiga. Tiu gusto tute ne ŝanĝiĝis, ĉi-foje, eĉ pli. Li sukcesis komprenigi la spektantaron pri la temo tre klare sen uzo de eĉ unu vorto. Mem evidente la senvorteco fariĝis bona akcelilo por voki kaŝitan patoson de homoj. Kiom scii pri la koreaj ŝamanismo aŭ historio ne gravis, ĉar oni facile sentis korvundon de lia prezentado. Granda sopiro al perditaj homoj kaj lando, kio estas la temo, penetris en la koron de la spektanto.

Jen unu punkto, kiun mi sentis bedaŭrinda. Li uzis kaj montris mapfiguron de Koreujo unuigita kaj tiu momente haltigis mian patosan fluon pro tio, ke vekiĝis politika kaj logika mondo en mi, ĉar mi scio, ke tiu figuro estas uzata ankaŭ en politika propagando, malhelpis min droni en la maro de patoso?

## Komencantoj lernu Esperanton

Komencante hodiaŭ, ĉiumatene je la 9h00–10h30 (escepte de la ekskursa tago), okazos Esperanto-kurso por komencantoj laŭ *Ĉe*-metodo en ĉambro *Verda Kim*. Eblas aliĝi surloke, pagante la apartan kotizon de 27 000 ŭonoj. Sciigu viajn kunulojn kiuj ankoraŭ ne lernis la lingvon!

## Saniĝo laŭ Bruno GRÖNING

La Amikaro Bruno Gröning informos marde je la 14h15 pri la malmulte konata maniero saniĝi per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning (1906-1959). Li estis la plej grava spirita saniganto en Germanio dum la 50aj jaroj.

Medicinaj kuracistoj atestas la saniĝojn surbaze de la diagnozoj de sendependaj kuracistoj. La Esperanto-sekcio de la amikaro nun havas 180 amikojn en 44 landoj. dum la prelego vi tuj havos la eblecon senti la sanigajn fortojn, kiujn vi poste povos akcepti hejme.



Dum la Interkona Vespero Mark Fettes (maldekstre), kaj John C. Wells, prezidanto de UEA (dekstre), aŭskultas la konsilon de Lee Jungkee, sekretario de LKK.

## Instruistino serĉata

UEA serĉas Esperanto-instruistinon, kiu flue parolas la anglan, kaj pretas intense instrui Esperanton dum almenaŭ ses monatoj en Japanio. Certigitaj estas vojaĝkostoj al/de Japanio, loĝado (en propra ĉambro) kaj manĝoj, plus 50 000 enoj monate por poŝmono. Interesitoj bonvolu transdoni skriban kandidatiĝon (kun biografieto) al la gvidanto de la kongresa libroservo. Ne forgesu indiki vian kongresnumeron kaj vian loĝadreson dum la Kongreso. Prefere temu pri civitanino de lando sen vizobezono por Japanio. Ne hezitu, reagu tuj!

### Libro forkuris

Malaperis de la akcepteja giĉeto dimanĉon ptm la libro *Japana Esearo*. Se iu senintence prenis ĝin, bv redoni ĝin al la informejo kun indiko "por kn 590". Antaŭdankon!

### ISAE (sciencistoj)

Ĉe la jarkunsido de ISAE (Internacia Scienca Asocio Esperantista), oni elektis honora membro la baldaŭ eksiĝontan prezidanton de ISAE, Carl *Stop-Bowitz*. Unu el la diskutteroj en la jarkunsido estis la oficiala organo, *Scienca Revuo*, kiu havas jam longan historion.

Kristin Molemo

# FREŜAJ ALIĜOJ

1737 s-ro Arūnas KAZLAUSKAS, Ryšininku, 6-15 Klaipida, Litovio,
1738 s-ro Tian shu MA, Chengde-a Esperanto Asocio, P.O. kesto 88 CN-067000 CHENGDE, Hebei, Ĉinio
1739 s-ro Vince Daanbie VAN LEICH, 54 station Town 60, Eunpyeong-gu, 122-072, Seoul, Koreio
1740 s-ino Herry KIM, Ĝuang-ri 387, Kŏch'ang-eup Kŏch'ang-gun, Kyongnam-pv. Seoul, Koreio
1741 s-ro Masahiro (Marc) ONO, United Nations Building, Palchowk Kathmandu, Nepalo
1742 wujx-q s-ino Jianxia WU, Jiangxi Sheng Nongyie Jixie Yan Jiu Suo, Nanchang Jiangxi CN-330044, Ĉinio
1743 s-ro Laifa ZHOU, Jiangxi Sheng Nongyie Jixie Yan Jiu Suo, Nanchang Jiangxi CN-330044,
1744 s-ro Chaomei YANG, Jiangxi Sheng Nongyie Jixie Yan Jiu Suo, Nanchang, Jiangxi CN-330044, Ĉinio
1745 s-ino Wana XIA, Hong Gang Cheng il 2 men 8 hao CN-430080 Wuhan, Ĉinio
1746 kitg-r Syozi KITAGAWA, 7-113-2 Onnyu Ohama-si, Hukui-ken, Japanio
1747 s-ino Toŝie USAMI, Tsukigaoka 3-26-1, Morioka, Iwate-ken, 020-1, Japanio
1748 s-ino Mihong BAK, 5/4, 808-193, Bŭmŭ 1 dong, Susunggu, Taegu, Koreio
1749 s-ro Naotake ISOGAI, 2-307, 2 Shinryodai Tarumi, Kobe, Japanio
1750 s-ro Nobuyoshi FUKAGAWA, Nagano Takamori 81-2 Ushimaki, Japanio
1751 Kazunori IGUĈI, Matukawa-si, Nagano-ken, Japanio
1752 s-ro Shin-il KIM, 947-4, Sanjong-dong, Kwangsan-gu, Kwangju, Koreio
1753 s-ro Shin-yong KIM, 947-4 Sangjong-dong, Kwangsan-gu, Kwangju, Koreio
1754 s-ro Bill MAK, 4B Wah Kin Mansion 4-10 Fort Street, North Point, Hong Kong
1755 s-ro Kyung-tae PARK, Ĝangkori 130, Hjongbuk-mjon, Jangjang-gun, Kangŭjon-provinco, Koreio
1756 s-ro Yasutora FUJII, Miyamae 8-19, Nisinomiya-si, Hjogo, Japanio
1757 s-ro Cheol KIM, Hanyang-APT 5-105, Chong-dam 1-dong, Kangnam-gu, Seulo, 135-101, Koreio
1758 s-ro Jin-ha CHOI, 108-9, Sangsu-dong, Mapo-gu, Seulo, Koreio
1759 s-ino Ĝong Hüa I, 55-4, Seosomun-dong, Ĉung-gu, Seoul, Koreio
1760 Linb-m s-ro Bo LIN, P.O. Box 2, Hefei, 23001, Ĉinio
1761 s-ro Huai Ran WU, Fuyang Lu, 100 Hao, Hefei, 23001, Ĉinio
1762 s-ro XueXian FANG, Fuyang-shi, Zhen Xie, Fuyang 236003, Ĉinio
1763 s-ro Yong LI, Wuhu Road 125, School of Hefei, 230061, Ĉinio
1764 s-ro Chonghwa LEE, 1349-21, Socho 2-dong, Socho-gu, Seoul, Koreio
1765 leek-k Jelena LEBEDEVA, 117071 Moskva, a/k 71, Rusio
1766 s-ro Suk-Hwan KANG, 33-904 Sung-san Apt, Sungsan 2dong, Mapogu, Seoul, Koreio
1767 piya-r s-ro Dipendra Kumar PIYA, GPO Box 6304, Kathmandu, Nepalo

## Manĝejo por esperantistoj

*Sheraton Walker-Hill* aranĝas por nia kongreso specialan manĝservon je prezoj rimarkinde pli moderaj ol en la normalaj kongresejaj restoracioj. La esperantista manĝejo troveblas en la bela salono Sunfloro (*Sunflower*) en subtera etaĝo de la kongresejo. Menuo kaj etoso estas Esperantaj. Ĝi servas tagmanĝon je la **11h30–14h30**, kaj vespermanĝon je **17h30 – 20h00**. Ĝi tamen ne servas matenmanĝon.




## Salutkartoj por la Afrika agado

El Tanzanio venis al la kongreso, krom salutoj por la solena inaŭguro, ankaŭ cent salutkartoj. Ili estas manpentritaj kaj montras afrikajn dancistojn, kun la vorto "Saluton".

Ili kostas po 2000 ŭonojn en la libroservo; la enspezoj subtenos la afrikan agadon de UEA. Aĉetu frue, la kvanto malmultas!

## Ne nur por eŭropanoj!

En ĵaŭdo, 1994 julio 28, je la 17h00 en la salono Hong, oni prezentos la esperantigitan filmon de la Eŭropa Komisiono, *"Post 20 jarcentoj..."*. Ĝi daŭras 30 minutojn, kaj poste Michael CWIK (kn 1603) gvidos diskut-rondon pri la temo, "Eŭropa unuiĝo — ĉu regiona ekzemplo de federaciaj strukturoj en la mondo?"




kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 4

1994 julio 26 mardo

# Belartaj Konkursoj de UEA

La rezultojn de la Belartaj Konkursoj de UEA por 1994 oni publikigis lunde, 1994 julio 25, en ĉeesto de 35 kongresanoj. Jen la premioj:

### poezio

Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 22 verkoj de 9 aŭtoroj el 8 landoj.

### prozo

Unua premio: Ne aljuĝita.

Dua premio: Georgo KAMAĈO (Hispanio) pro *"Avaturo"*.

Tria premio: Georgo KAMAĈO pro *"Gulivero en Ĉapeluio"*.

Partoprenis 17 verkoj de 10 aŭtoroj el 8 landoj.

### teatraĵo

Unua premio: Paul GUBBINS (Britoj) pro *"Konto de l' vivo"*.

Dua premio: Paul GUBBINS pro *"Hotelo de l' Teatro"*.

Tria premio: Paul GUBBINS pro "Int-Ant-Hont" kaj Mike SADLER (Hungario) pro *"Safo"*.

Honora mencio: Mike SADLER pro *"Teo kaj testamento"*.

Partoprenis 7 teatraĵoj de 4 aŭtoroj el 3 landoj.

### eseo

Premio Luigi Minnaja: Nikola RAŠIĆ (Nederlando) pro *"Pledo por sociologio de Esperanto-movado"*.

Honora mencio: Zsuzsanna CSISZAR (Hungario) pro *"La lingvaĵo de porinfana literaturo"*.

Partoprenis 4 eseoj de 3 aŭtoroj el 3 landoj.

### premio "Nova Talento":

Giuseppe SPINI (Italio) pro la prozaĵoj *"La lasta kunveno"* kaj *"En signo de paco"*.

### infanlibro de la jaro:

Dividita inter tri libroj:

*"Emilo de Smolando"* de Astrid LINDGREN, trad. Harold BROWN kaj Kerstin RONDIN, eld. Progreso Eldonejo (Svedio); *"Muminvalo"* de Tove JANSSON, trad. Eckhard BICK, eld. Esperanto-Asocio de Finnlando; kaj *"La Krabo, kiu ludis kun la maro"* de Rudyard KIPLING, tradukis Amri WANDEL, eld. Edistudio kaj Esperanto-Ligo en Israelo.

Partoprenis 5 libroj de 5 eldonintoj el 5 landoj.

**vidbendo:** Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 2 filmoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.

**kanto:** Neniu premio aljuĝita, ĉar neniu valida konkursaĵo partoprenis.

# Solena Inaŭguro: finaj vortoj de la Prezidanto

La ĉefa celo de Universala Kongreso ne estas diskuti Esperanton, kvankam tion ni faros. Ĝi ne estas diskuti la movadon, la fakan aplikadon, la lokan kaj regionan agadon, kvankam ankaŭ tion ni faros. La celo estas praktika: uzi Esperanton. Ni uzas Esperanton por diskuti gravajn temojn (en Seulo, ĉefe la temon Azio en la Mondo; sed ankaŭ amason da aliaj temoj). Ĉe nia Kongresa Universitato vi povos aŭskulti prelegojn pri koreaj ekonomio, medicino, kaj kulturo, pri kalkulsistemoj, pri moderna historio. En la kongresaj vesperoj vi povos spekti la spektaklojn de Fraŭlino Barlaston kaj de Vida Jerman, de la korea nacia prezento, de la koncerto.

Ni kongresas ankaŭ por atesti pri la vivanteco de Esperanto. Kuraĝu do uzi la lingvon! Ankaŭ komencantoj kaj unuafojaj kongresanoj ne hezitu elprovi sian lingvoscion. Ne hezitu interamikiĝi! Ne estu retiriĝemaj! Ĝuu do la etoson de la kongreso.

## Esperantista manĝejo

*Sheraton Walker-Hill* aranĝas por nia kongreso specialan manĝservon je prezoj rimarkinde pli moderaj ol en la normalaj kongresejaj restoracioj. La esperantista manĝejo troveblas en la bela salono Sunfloro (*Sunflower*) en subtera etaĝo de la kongresejo. Menuo kaj etoso estas Esperantaj. Ĝi ofertas tagmanĝon je la **12h00–14h00**, kaj vespermanĝon je **18h00 – 20h00**. Ĝi tamen ne provizas matenmanĝon. Bv noti, ke la horoj iom diferencas de tiuj antaŭe anoncitaj.

# Programŝanĝoj

Jen la plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

## hodiaŭ, mardo, 1994 jul 26

Du el la prelegoj pri la kongresa temo interŝanĝos siajn okazhorojn. En salono Hong, **Kongresa temo 4** pri *Aziaj esperantejoj* okazos je la **12h00–13h00**, kaj **Kongresa temo 5** pri *Historiaj aspektoj* plifruiĝos al la **11h00–12h00**.

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la **14h00–15h00** en ĉambro Salt: unue oni montros kompletigitan parton de la nove esperantigata animita kino por instrui lingvon al infanoj, *"Mazi en Gondolando"*. Sekvos la kino *"Spuroj de la avo"*, kiu temas pri vizito de d-ro L.C. ZALESKI-ZAMENHOF al lokoj en la nunaj Bjelorusio kaj Litovio kie lia avo, "d-ro Esperanto", pasigis sian junaĝan tempon. Interalie videblas scenoj pri la inaŭguro de la domo de Aleksandro ZILBERNIK, bopatro de L.L. ZAMENHOF, kiel sidejo de Litovia Esperanto-Asocio.

Por kongresanoj kiuj deziras iom da helpo renkonti aliajn esperantistojn por babili kaj amikiĝi, oni organizas **neformalan babilejon** kun ioma gvido. Ĝi okazos en la vestiblo de la tria etaĝo. Hodiaŭ gvidos s-ino Elda DOERFLER el Italio (kn 399) je la **18h00–19h00**.

## morgaŭ, merkredo, 1994 jul 27

La **Filmvespero** anoncita en la kongreslibro por post la ekskursoj ne **okazos**.

## ĵaŭdo, 1994 jul 28

Du el la laborgrupoj pri la kongresa temo interŝanĝos siajn okazhorojn. En salono Hong, **Kongresa temo 3** okazos je la **12h00–13h00**, kaj **Kongresa temo 1** atendos ĝis la **15h00–16h00**.

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la **14h00–15h00** en ĉambro Salt: programo kiel marde (vidu supre).

## vendredo, 1994 jul 29

La **nûkcio** (17h30–19h00) okazos ne en Lapenna, sed en la salono **Ĵelezo**.

La **ekskurso al aŭtofabriko** (D6) ekiros 30 minutojn pli frue ol antaŭe anoncite. Ekskursontoj kolektiĝu antaŭ la giĉeto de agento *Hanjin* en la kongresa enirejo, por ekveturi je la **8h30**. (Ĉiu ekskurso komenciĝos ĉe la giĉeto de *Hanjin*.) Pro striko, ne eblas viziti la fabrikon de *Kia*, kiel planite, sed anstataŭe oni vizitos fabrikon de *Daewoo*, kiu produktas, inter alia, la aŭtomarkon *Espero*.

## sabato, 1994 jul 30

La **solena fermo** ...uos la lukson de salono **Zamenhof**, anstata□ la anoncita □elezo, je la 10h00–11h30.

## SOCIETO ZAMENHOF

Aktualaj membroj de la societo Zamenhof kaj tiuj kiuj volas aliĝi al tiu ĉi eminenta klubo de movadaj mecenatoj estas kore invitataj al la Akcepto, kiu okazos je la 18h00 en salono *Juniper*, en la dua etaĝo de hotelo *Sheraton*. La partoprenantoj kolektiĝu kvaronhoron antaŭ la 18h00 ĉe la hotelaj liftoj kaj ŝtuparo.



## Esperanto-ekzamenoj

INTERNACIAJ EKZAMENOJ DE UEA/ILEI okazos en mardo, 1994 jul 26, je la 17h00–18h00, en salono Verda Kim. Bonvenas ĉiuj kiuj deziras partopreni la ekzamenon bazan aŭ mezan.

Bonvolu veni akurate je la 17-a horo. Tuj post la registriĝo okazos 50-minuta antaŭtesto. Se vi sukcesos plenigi almenaŭ 70%, tio donos al vi rajton partopreni la kompletan ekzamenon. Ĉe la registriĝo oni tuj pagas 60% de MA-kotizo por sia lando.

## La plej interesa kunsido

La Estraro de UEA kunsidas plurfoje dum la UK. Principe, tiuj kunsidoj estas malfermitaj al la publiko — ĉiuj rajtas ĉeesti. Sed malmultaj kongresanoj volus ĉeesti en ĉiuj kunsidoj. Ne estas sekreto ke ili foje tedas.

Sed, se vi iom scivolas pri la funkcio kaj agado de UEA, oni rekomendas ĉeesti en la komitatkunsido hodiaŭ (1994 jul 26) je la 14h00. Tiam la Komitato pritraktos la estraran raporton pri la agado en 1993. Tiuj raportoj donas bonan superrigardon pri la monda Esperanto-movado, kaj pri la funkcio de UEA. Ankaŭ nekomitatanoj povas ricevi la tekston de la jarraporto.

## Tago de la Paco

Por la matena kunsido de la Tago de la Paco, jaŭdon ekde la 9a horo en salono Lapenna, anoncis sin jenaj kontribuantoj:

- Ralph HARRY, "La rolo de UN en Azio-problemoj de komprenado"
- CHUNG Hwan-gun, "Novaj mondo-proponoj por homa vivo kaj paco"
- HAJAŜI Kazuo, "Demandoj de milito kaj paco en nuntempa Japanio"

Pliaj kontribuantoj al la temo "La azia vojo al la paco", speciale el aziaj landoj, estos bonvenaj. Bonvolu laŭeble antaŭe anonci vin al Mark FETTES, kn 791. Posttagmeze (15h00, Espero Shin) Normand FLEURY (kn 324) gvidos laborgrupon pri "Kiel afabli tutmonde?". Li atendas partoprenantojn el laŭeble plej multe da landoj, por kompari la regulojn de ĝentilo kaj afablo en plej diversaj mondpartoj.

## Konatiĝu kun TEJO

La vicprezidantoj de TEJO

TEJO, la junulara sekcio de UEA, havas membro-asociojn en pli ol 30 landoj, kaj agadas en multaj pliaj. Ĝi eldonas la liston de gastigantoj "Pasporta Servo" kaj organizas kunvenojn kaj seminariojn. Ĉi-jare okazos la 50-a Internacia Junulara Kongreso(IJK), en Ch'ŏnan, Koreio.

Ĉu vi jam sciis ĉion tion? Ĉu jes aŭ ne, informojn pri tio kaj multo pli ni donos al vi dum la TEJO-forumo, en ĵaŭdo je la 11h00 en salono Hodler. Vi havos eblon diskuti, demandi, kritiki, sugesti, kaj, kompreneble, membriĝi. Ni atendos vin!

## Spiritismo

Brazila Spiritisma Federacio invitas ĉiujn interesatajn kongresanojn al sia kunsido en salono Hodler, vendredon, 1994 julio 29 je la 11h30–12h30. La temo estos *La Evangelio laŭ spiritismo*.

# Monda Turismo

Dimanĉe, la 24-an de julio en salono Hodler okazis kunveno de *"Monda Turismo"*.

Gvidis ĝin vicprezidanto de MT, s-ino Lucille C. HARMON el Usono, kiu prezentis ĝenerale la agadon de MT kaj aparte tiun en Usono. Estrarano Aleksej J. SALOMATOV raportis pri MT-aktivado en Moskvo. Regina GRZĘBOWSKA, la gvidantino de *Esperantotur*, turisma servo de MT en Pollando, parolis inter alie pri Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo — trijara lernejo, kiu preparas novajn profesiulojn por agado en E-turismo. Bonvenas studentoj el ĉiuj landoj kaj prelegantoj-instruistoj pri kulturo kaj turismo.

*Monda Turismo* estas organizo por ĉiuj vojaĝemaj esperantistoj.

Plej gravaj aranĝoj de MT estas:

- 20-a Internacia Foiro de E-Turismo en Bydgoszcz 1994 sept 25–okt 2
- 5-a Internacia Esperanto Kongreso kaj Festivalo de Muzika E-Ligo en Bydgoszcz 1995 jul 8–15

# Balo kaj bankedo: eleganteco, eŭropeco

Lertaj kelneroj ĉirkaŭzumis rapideme la rondajn tablojn en salono Ĵelezo, kiam, post 18.00 lunde, ĝi pleniĝis de bunta, bankedema kongresanaro. Kelkaj glasoleve kantetis, iuj faris fotojn pri gajaj tablanaroj, prezidanto Wells kuraĝe ĉirkaŭtostis ŝajne ĉiujn tablojn, dum kelkaj plendis pro la simpleco kaj eŭropeco de la manĝo. (Fakte, iuj nebankedanoj ĉi-vespere vizitis tradician korean restoracion.) La posta balo provizis okazon por postmanĝaj korpmovoj, kaj prosperis la vendo de ĉiaj enboteloĵoj. Impona nombro de la ĉeestantoj montris sian talenton danci laŭ ritmoj klasikaj kaj malpli tradiciaj. Dum iu grumblis pro varma biero kaj korea junulo trovis la aranĝon maljunuleca, la plejparto tamen simple ĝuis ĉi tiun Esperantuje unikan okazon de amasa kaj eleganta amuziĝo. (kn 189)

## IKU 3 — Silka vojo

La tria prelego kadre de la Internacia Kongresa Universitato estis titolita *La silka vojo* kaj ĝin prezentis Lu Caisheng (Ĉinio). Ĉi tiu prelego vekis grandan intereson de la kongresanoj kaj ne mirigas ĉeesto de ducento da ili. La preleganto prezentis la historion de ĉi tiu konata vojaĝ-itinero kaj ĝian hodiaŭan staton. Same interesa estis la superrigardo pri kiel eŭropanoj ellernis lasilk-kulturon. (kn 1256)

## TEJO-patronoj

Tridek apogantoj de la junulara E-organizo venis lunde je la 11h15 al renkonto kun TEJO-aktivuloj. TEJO-vicprezidantoj prezentis lastajn eventojn el la organizo. Interese estis aŭdi ke 30 junuloj vojaĝas trasiberie al la IJK al kiu aliĝis 200 kongresanoj, duono ekster-aziaj.

Aktuale estas ĉ. 100 Patronoj, nepre sekvendaj de aliaj esperantistoj (oni povas fariĝi Patrono de TEJO dum la tuta UK). Kun la TEJO-eldonaĵo *Kontakto* la situacio pliboniĝis, sed ĝis nun la kajero *Pasporta Servo* ne aperis. Celo estas havi ĝin ĉiun duan jaron, do la venonta kajero aperos fine de ĉi tiu jaro. (kn 35)

## Ekumena Diservo

Multe da esperantistoj serpentumis post la gvidanto al preĝejo *Kwangjang* dimanĉe posttagmeze. Atendis nin grupo de muzikistinoj — koruso de preĝejo Chunghyun, kiu veturis longe por muziki por ni, kaj la koruso de preĝejo *Kwangjang* mem, kiuj kantis por ni *Himnon de gloro*.

Ni ĉiuj kantis *Ho granda Dio*, la ĥoroj en korea lingvo kaj ni Esperante. Frato Puramo CHONG tiel bone gvidis kaj mem kantis ke multaj kuraĝis kunvoĉi. Komprenebie aŭdiĝis preĝoj kaj predikoj, sed aparte interesa estis la himno, kiun kantis koreaj membroj de Kristana E-Ligo Internacia. Ĝi estas korea himno, sed tradukita al Esperanto. Post la beno oni invitis nin iom manĝeti ekstere diversajn kukojn, ĉokoladon kaj aliajn dolĉaĵojn. La ĉeestantoj ege ĝuis la bone prizorgitan kunvenon. (kn 67)

## Kvieta Mateno aŭdeblas!

*Kvieta Mateno* estas verŝajne la sola kongresa kuriero, kiu havas parolatan formon. Ĉiutage ĝi per fakso iras al la Esperanta Redakcio de Pola Radio, kiu elsendas ĝiajn informojn en siaj ĉiutagaj programoj. Per fakso la E-redakcio de Pola Radio gratulis la redaktorojn de *Kvieta Mateno*, kaj salutas ĉiujn kongresanojn, kiuj apartenas al la aŭskultantaro de Pola Radio.

## FAKKUNSIDO DE OOMOTO

Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto lunde antaŭtagmeze prezentis sin al 400 kongresanoj. Tre abunda programo inkluzivis prelegon de EPA-prezidanto DEGUCHI Kyotaro laŭ la kongrestemo,"Azio en la mondo". Ankaŭ estis prezentita vidbenda raporto, popola danco, pupteatra kaj magia prezentaĵoj.

Oni regalis per te-ceremonio kaj donacis belajn sakojn. Jen impresoj de du ĉeestintoj: "Mi dankas al anoj de Oomoto pro mirinda fakkunsido kiu realigis novan amikecon kaj mondpacon" (viro, koreo).

"Jam sesan fojon mi partoprenis la kunsidon. Ĉiufoje ĝi estas simila, sed ĉiam mi trovas novan etoson. Kaj ĉiufoje partoprenantoj plinombriĝas. De la komenco ĝis la fino mi sentas min bonege!" (viro, germano, kn 869)

## Instruistoj

Kvindekkvar kongresanoj aperis en la kunsido de Internacia Ligo de Esperantistaj-Instruistoj (ILEI) lunde la 25-an.

Laboron de ILEI prezentis la vic-prezidanto prof. Ronald GLOSSOP (kn 428) kaj la sekretario Marija BELOŠEVIĈ. (kn 815)

Al la programo kontribuis deko da partoprenantoj el pluraj landoj. La kunsido estis okazo prezenti kelkajn interesajn titolojn, i.a. la freŝan lernolibron de Paul GUBBINS *Kunvojaĝu* eldonitan de Edistudio kaj ILEI, kiu aĉeteblas en la Libro-servo. (kn 815)

# FREŜAJ ALIĜOJ

1706 s-ro Yukio MARUYAMA, Saitama-ken, Omiya-si Higasi-miyasita 461-4, Japanio
1768 HAN Su-dŏk, Changchon-dong 62-66, Sodemun-gu, Seulo, Koreio
1769 HAN Ju-dong, Changchon-dong 62-66, Sodemun-gu, Seulo, Koreio
1770 Buniti SAITO 1-9-11, Higaioomati, Sakata-ŝi, Yamagata-ken, Japanio
1771 s-ro Héctor JIMÉNEZ BATISTA, Ave. 47 No. 3803 e/38y 40, Rpto. Kolhy, Playa, C.Habana, Kubo

## Kinvespero: Manpleno da mistero

*Usui Hiroyuki (kn 1734)*

Bona ideo, prezenti filmon de l' gastiganta lando por konatiĝi kun la kulturo de tiu lando. Do, gratulindas, ke la LKK de l' ĉi-foja kongreso prezentis la filmon *Manpleno da tempo*, kun esperantlingvaj subskriboj.

Sed en la kino interparoloj ne tiom grave rolas kiom scenoj mem. La rakonto temas pri korea arkeologia profesoro, instruanta en germana universitato. Tiu ĉi ekhavas kormalsanon kaj revenas al sia naskiĝurbo en Koreio en la malfruaj 30-aj jaroj, oni klarigas; sed tiuj priskriboj de l' fono ankaŭ ne tiom gravas.

Frapis min la forto de l' scenoj mem.

Inter pecoj el la reala vivo de l' profesoro, enŝoviĝas ne malmultaj simbolaj scenoj. Bela ŝamanino dancas, ĉe rando de klifo, kvazaŭ por alvoki la sunon supreniveni. Kaj grandega, ruĝa suno... Lepruloj vagadas tra sovaĝa tero, foje sub la ardanta suno, foje en neĝblovado. Gruoj sur branĉoj arbaraj. Serpento ramparta. Kaj intermiksiĝas al tio rememoroj el la knaba tempo de la profesoro... Kara, amplena patrino. La knabo hazarde ŝtelrigardas adultadon de virino. Amikino, kun kiu la knabo ofte ludis kaj kiun li tamen forlasas por studi en Eŭropo... Eĉ mi komencas senti, ke la profesoro devas sperti tiujn viziojn, antaŭ sia morto, por kompreni, antaŭ ol morti, kion li ne realigis en sia vivo.

Ĉiuj ĉi tiuj imagaĵoj kreas apartan etoson. En la kapo de la spektanto elmergiĝas mistera mondo, kvazaŭ tiu de mitologio. Foje tiuj alternoj de scenoj realaj kaj imagaj malfaciligas sekvi la rakonton, sed ĉe la spektanto restas mistera impreso.

Iom pli da klarigoj pri la filmo kaj ties reĝisoro estus dezirinda, ĉar post la spektado oni ekscivolas, kiam ĝi estis farita kaj de kia reĝisoro.

(Red.: Reĝisoris ĝin BAEK Il-sung, kiu ankaŭ verkis la scenaron kaj la dialogojn.)

## Konkurso *"Haltigu la sekundon"*

Certe multaj el vi fotas dum la kongreso. Ĉu vi ne ĝojus revidi foton, kiun vi faris, en la kongresa numero de la revuo *Esperanto*?

Sendu viajn "haltigitajn sekundojn" al *Esperanto* (UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando)! Ĉiuj fotintoj kies verkoj alvenos ĝis la 15-a de aŭgusto kaj aperos en la revuo, ricevos premieton, kaj la redakcio plue lotumos inter ili unu valoran libron. (La gajninto mem elektos el kvin titoloj).




## Artistoj venu

Hodiaŭ, mardon, la 26-an de julio, okazos provludo por la Adiaŭa Vespero je la 15h00–17h00 en la salono Ĵelezo. Ĉiuj artistoj kiuj volas prezenti en la Adiaŭa Vespero, bonvolu veni por provludi.

## Invito al Brazilo

Legio de Bona Volo (LBV) invitas esperantistojn dela tuta mondo partopreni en la solena inaŭguro de la *Monda Parlamento de la Ekumena Frateco*, kiu okazos la 25-an de decembro 1994, en Brazilio, ĉefurbo de Brazilo. Tie la Esperanta flago estos hisita kune kun tiuj de la ĉeestantaj landoj en la inaŭguro. Esperanto estos unu el la lingvoj simultane tradukataj. Pli ol cent mil homoj estas atendataj.

## Juristoj: Terminaroj kaj tradukoj

Lunde je la 12h45 en salono Verda Kim, kunsidis kelkaj membroj de Esperantista Jura Asocio (EJA), prezidate de s-ino R. URUENA DE HERNÁNDEZ (kn 26). Oni parolis pri terminaroj jam ekzistantaj kaj ankoraŭ bezonataj, ĉu juraj, ĉu komercaj. Oni emfazis la neceson publikigi la gravajn tradukojn pri diversaj dokumentoj de internacia publika juro, faritajn de la ĉeestanta s-ro Ralph HARRY, iama ambasadoro el Aŭstralio en Unuiĝinta Naciaro, kaj la bezonon de nova *Esperanta Jura Revuo*.

## Religia kunlaboro

Interesitoj pri kompara religio estas kore invitataj al la ĝenerala kunsido de ASISTI, ĵaŭdon, julio 28, 10h15–11h30, en salono Espero Shin. Parolojn pri "kunlaboro inter religioj" sekvos kontemplado en silenta medito kaj/aŭ preĝo laŭ ĉies maniero. Prezidanto de ASISTI: Yosimi UMEDA (kn 832).

## ILEI-konferenco

Ĝi okazos tuj post la UK, de la 30-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto en la universitato *Kangnam*. Temo: La aziaj kulturo kaj edukado.

Novaj aliĝontoj bonvenas. La aliĝkotizo inkluzivas programon, loĝigon, ĉiujn manĝojn, kaj tuttagan ekskurson. Nur 150 000 ŭonoj.

Aliĝu ĉe la ILEI-giĉeto.

### ESTRARO RAPORTAS

Ĉi tiu forumo ankaŭ ĉi-jare arigis multajn kongresanojn. Plenajn horon kaj duonon la kvin ĉeestantaj estraranoj de UEA kaj du oficistoj de la Centra Oficejo respondis al interesaj kaj ofte tiklaj demandoj. Multis tiuj ligitaj al la kongreso kaj ĝia organizado, ekz. ĉu oni devas kongresi en luksaj kaj multekostaj kongresejoj. La tuta debato estis vigla, interesa kaj pozitiva. (kn 812)




kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 5

1994 julio 28 ĵaŭdo

# Tuttagaj Ekskursoj

Tre grava kaj valora programo por ĉiuj partoprenantoj estas eks(*en*)kurso! Dum *en*kurso oni multe vidas kaj scias kongresan landon. Variaj programoj allogis *en*kursanojn. La plej granda el la ekskursoj estis **E1** al Folklora Vilaĝo kaj ceramikejo, kun 152 personoj. Kvar aŭtobusoj kun Esperanta reklamo veturadis en kaj ekster Seulo. Iuj demandis, kial mankas tutsemajna ekskurso al la folklora vilaĝego?

**E2** estis al armisticejo *Panmunjom*, kies aŭtoritatuloj postulas rigorajn regulojn. Homoj vidis la realon de la sola dividita lando en la mondo. **E3** estis al fantazia amuzejo *Lotte World* kaj 63-etaĝa domo. Homoj ekscitiĝis sur la plej alta domo rigardante ĉiujn direktojn de Seulo.

Por **E4** oni elektis monton *Songni* kaj budhistan templon *Popchu*. Homoj solenis orientiĝi al "Oriento" (Azio) kaj budhismo. Dum ekskurso **E5** al *Tanyang Palgyong* oni spertis spektaklon: iu preĝis, kaj tuj ekpluvis. Kia beno estis tiu preĝo post longa sojlo de pluvo!

Krom la kvin oficialaj eks- kaj en-kursoj, okazis diversaj privataj ekskursoj en tuta seulo. De loko al loko renkontiĝis enkursanoj kaj ekster-kursanoj. Demando stariĝis; ĉu Koreio ankoraŭ estas la lando de matena kvieto malgraŭ sia dinamikeco?

Dum tiu ĉi kongreso pli ol 1300 aliĝoj akceptis ekskursa ĝiĉeto. Plej granda kaj agrabla fakkunsido! Vin atendas ankoraŭ liberaj lokoj por ekskursoj. (So Jinsu, kn 603)

En ekskurso E4 al **NacIparka monto *Songni* kaj templo *Popchu*** partoprenis ĉ. 100 personoj (3 aŭtobusoj). Oni komencis je la 8-a matene, kaj post trihora veturado alvenis al la celo. Unue bongusta tagmanĝo kore-stila, kaj poste agrabla promenado tra la nacia parko al la templo *Popchu* de la 6-a jarcento, konsistante el grandega 33 metrojn alta bronza budho-statuo kaj aro da pli malgrandaj pitoreskaj pagodaj kaj temploj. Vere bonega kaj interesa ekskurso, tre bone organizita kaj lerte gvidita de koreaj helpantoj.

(Ada Fighiera-Sikorska, kn 35)

## Esperantista bierejo vespera

Seulaj esperantistoj bonvenigas kongresanojn ĉiuvespere dum la kongreso en la restoracio *Kabin*, je la 18h00 24h00. La restoracio situas tuj trans la strato de hotelo *Dong Seoul* (norde) proksime al la metrostacio *Kangbyŏn*. Senpagaj busoj regule iras inter la kongresejo kaj metrostacio *Kangbyŏn*, ĝis la 23h20.

# Lingvolernemuloj abundas

Cento da kongresanoj partoprenas en la lingvokurso *Korea ekspres*e — tiom, ke multaj devas stari en la salono. Venis multaj altnivelaj demandoj, kaj la gvidanto d-ro Bak Gŭan (kn 589) kaj asistanto Bang Myongbyon (kn 1104) kontente kaj kontentige kunlaboras kun la ĉeestantaro.

Se vi ankoraŭ ne partoprenis la du jamajn lecionojn, vi tamen plene rajtas ĉeesti la trian, lastan lecionon en ĵaŭdo, en salono Espero Shin, je 15h45–16h45. La gvidanto pretendas, ke li bone scias, kiel gvidi la novajn ĉeestantojn.

## Grava anonco!

Morgaŭ, vendrede je la 13h00 en salono Jelezo okazos provludo por la Adiaŭa Koncerto okazonta vespere en la sama tago. Ĉiuj prezentontaj artistoj bv veni al la provludo.

## Vidbendo pri 79-a UK

Oni preparas vidbendon pri la 79-a Universala Kongreso en Seulo. Revidu karajn memorojn, kaj vidu kion vi ne povis surloke vidi en la UK! Eblas jam nun mendi ĝin ĉe la informa giĉeto. Ĝi kostas 35 000 ŭonojn, inkluzive de sendkosto per registrita poŝto.

## Kurioza statistiko

Laŭ la diro de pastro Andreoni Francisko (kn 1699), troviĝas en Tajlando nur du parolkapablaj esperantistoj. Do, ĉar li ja venis al Seulo, en la 79-a UK partoprenas duono el al tajlanda esperantistaro! Ĉu iu alia lando povas konkuri kun tiu procentaĵo?

## Programŝanĝoj kaj aldonoj

Jen la plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

### hodiaŭ, ĵaŭdo, 1994 jul 28

Du el la laborgrupoj pri la kongresa temo interŝanĝos siajn okazhorojn. En salono Hong, **Kongresa temo 3** okazos je la 12h00–13h00, kaj **Kongresa temo 1** atendos ĝis la 15h00–16h00.

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la 14h00–15h00 en ĉambro Salt: unue oni montros kompletigitan parton de la nove Esperantigata animita kino por instrui lingvon al infanoj, *"Mazi en Gondolando"*. Sekvos la kino *"Spuroj de la avo"*, kiu temas pri vizito de d-ro L.C. ZALESKI-ZAMENHOF al lokoj en la nunaj Bjelorusio kaj Litovio kie lia avo, "d-ro Esperanto", pasigis sian junaĝan tempon. Interalie videblas scenoj pri la inaŭguro de la domo de Aleksandro ZILBERNIK, bopatro de L.L. ZAMENHOF, kiel sidejo de Litovia Esperanto-Asocio.

Tridek minutan **kinon de la Eŭropa Komisiono**, *Post 20 jarcentoj*, oni prezentos en salono Hong je la 17h00. Poste Michael CWIK (kn 1603) gvidos diskut-rondon pri la temo, "Eŭropa unuiĝo — ĉu ekzemplo de federaciaj strukturoj en la mondo?"

Je la **18h15 ĝis la 19h15** la vestiblo de la **tria etaĝo** estos **neformala babilejo** kun ioma gvido.

### morgaŭ, vendredo, 1994 jul 29

Morgaŭ, vendrede je la **13h00** en salono **Ĵelezo** okazos **provludo por la Adiaŭa Koncerto** okazonta vespere en la sama tago. Ĉiuj prezentontaj artistoj bv veni al la provludo.

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la **14h00–15h00** en ĉambro Salt: unue, la kompletigita parto de la nove Esperantigata animita kino por instrui lingvon al infanoj, *"Mazi en Gondolando"*. Sekvos la kino *"Spuroj de la avo"* (vidu supre).

Je la **16h00–17h30** en salono **Rinĉen**, Lucille HARMON (kn 425) gvidos diskuton pri la kelkaj projektoj fari **vidbendojn por instrui Esperanton**. Ĉiaj interesatoj pri la modernigo de E-instruo bonvenas.

Konatiĝu kun la lando de la venontjara UK: **diapozitivojn pri Finnlando** prezentos la LKK de la 80-a UK, en salono **Rinĉen** je la **17h30** (post la programero *"venonta UK"* en Lapenna 16h00–17h00).

La **nûkelo** (17h30–19h00) okazos ne en Lapenna, sed en la salono **Ĵelezo**. Venu por vidi kiajn amuzajn kaj interesajn ajojn oni pretas vendi por antaŭenigi la mondan Esperanto-movadon!

Mallongan **vidbendon pri la vivo de uzbeka popolo** prezentos s-ro Gafur MIRZABAJEV (kn 1288) en salono **Ĵelezo** je la **17h15–18h45**. Li ankaŭ montros kelkajn naciajn manlaboraĵojn, kaj plezure aŭdiĝos kantojn naciajn kaj Esperantajn.

La **ekskurso al aŭtofabriko** (D6) ekiros 30 minutojn pli frue ol antaŭe anoncita. Ekskursontoj kolektiĝu antaŭ la giĉeto de agento *Hanjin* en la kongresa enirejo, por ekveturi je la **8h30**. Pro striko, ne eblas viziti la fabrikon de *Kia*, kiel planite, sed anstataŭe oni vizitos fabrikon de *Daewoo*, kiu produktas, inter aliaj, la aŭtomarkon *Espero*.

### sabato, 1994 jul 30

La **solena fermo** ĝuos la lukson de salono **Zamenhof**, anstataŭ la anoncita Ĵelezo, je la 10h00-11h30.

## Blindula agado

En la kunsido de LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantisoj) aperis ses interesatoj. La sekretario de LIBE NORA MOERBEEK (kn 96) klarigis, interalie, la eldonadon de *Esperanta Ligilo* (nur brajla) kaj surkasedaj revuoj *Esperanto* de UEA (voĉlegata en la C.O. de UEA) kaj *Monato*. Ŝi bedaŭris ke ne aperis en la UK vidhandikapuloj el Azio mem. Koreo promesis serĉi tiajn kontaktojn.

Japanino, mem aktiva en la helpa *Grupo ses punktoj* menciis planon de JABE (Japana Asocio de Blindaj Esperantistoj), reaktiviĝinta antaŭ du monatoj, kun siaj 23 membroj aliĝi al LIBE.

Regule aperas en Japanio *Najtingalo*, la songazeto de Reza KHEIR-KHAH. Saluton de la antaŭa redaktoro de *Esperanta Ligilo*, s-ro Raymond GONIN, (ĵus alnomita honora membro de UEA) transdonis lia filo Hervé GONIN (kn 1587).




Ĉiuj ĉeestantoj interesiĝis ricevi la verketon pri agrablaj kontaktoj kun vidhandikapitoj *Ne tiel sed ĉi tiel*.

ges-roj MOERBEEK (kn 96, 97)

## Kio estas Esperanto por azianoj?

Kongrestemo 4 estis diskuto pri la temo, "kio estas Esperanto por ni en Azio?" gvidita de s-ino Doi Ĉieko (kn 527), redaktoro de la UEA-revuo *Esperanto en Azio*.

Tra la diskuto montriĝis diferenco de motivoj inter azianoj kaj eŭropanoj per kiuj ili daŭrigas Esperanto-movadon. En eŭropaj landoj precipe junuloj eklernas Esperanton kiel ŝatokupon, por havi rektan kontaktiĝon, kvankam maljunaj esperantistoj ankoraŭ tenas sian idealon pri Esperanto. La idealo kaj ĝia disvastigo ŝajnas al eŭropaj junuloj eksmodaj. Laŭ ilia opinio por informado de Esperanto, parolo pri la idealo estas evitinda.

Tamen dum sufiĉe longa tempo la idealo tenis la Esperanto-movadon. En aziaj landoj esperantistoj ankoraŭ pli serioze traktas Esperanton. Pro diverseco de aziaj landoj, ankaŭ Esperanto-movado en Azio tre diversas. En evoluintaj aziaj landoj oni eklernas Esperanton por havi amikecon kun alilandanoj, kaj praktikas la lingvon. Sed en evoluantaj landoj oni havas tro malmultajn ŝancojn praktiki Esperanton. Tamen homoj lernas Esperanton kun la espero, ke iam estonte ili povos praktiki la lingvon. (kn 527)

# *Yumeiho* kuracas kongresanojn

De la 24-a ĝis la 26-a de julio en salono Espero Shin, okazis tri fojojn prelego nomita en la kongresa libro *Diina Masaĝo*. Alia nomo (japanlingva) estas *Yumeiho*-terapio. Ĉirkaŭ 150 ĉeestantoj plenigis la tutan salonon. Tio jam estas la kvina UK en kiu okazas *Yumeiho*-kunveno.

Esperantistoj el diversaj landoj, nome; Koreio, Mongolio, Nepalo, Irano, kaj Ĉinio, raportis progreson de disvastigo de *Yumeiho* en siaj landoj. S-ro Masayuki SAIONJI (kn 297) klarigis la ĉefan teorion, kaj poste akceptis pacientojn kune kun tri *Yumeiho*-terapiistoj. Dum la tri kunvenoj, 11 kongresanoj ricevis *Yumeiho*-terapion, kaj ĉiuj miris pri la plezura efiko.

Per Esperanto, *Yumeiho* rapide disvastiĝas mondskale, kaj samtempe *Yumeiho* disvastigas Esperanton. Ĝi jam estas fakte bona ekzemplo de la utileco de Esperanto. (Koralo CHEN, kn 80)

# Atestoj: Bruno GRÖNING sanigas

Post prezentado de vidbendo pri la vivo de la plej grava spirita saniganto de Germanio el la 50-aj jaroj, Detlef MEIER raportis, kiel li evitis la pensiuliĝon en la aĝo de 31 jaroj en 1991 helpe de la instruo de Bruno GRÖNING. Tio fariĝis la kaŭzo de la uzado de Esperanto en tiu amikaro. Detlef klarigis kiel oni povas akcepti la Dian sanigan fortan kaj prezentis raportojn pri resaniĝo de kuba kaj pola esperantistoj.

Plej grava sukcesraporto estis tiu de la kongresano Atilio Orellana ROJAS, kiu danke al la instruo de Bruno GRÖNING, povas daŭrigi sian Esperantan laboron. Post busakcidento en januaro kuracisto prognozis ke la manko de sentkapablo en la maldekstra korpoparto kaj la doloroj en la spino aperante post la akcidento povos resti ĝis la fino de lia vivo. Post ol li regule akceptis la sanigan kurenton la tuto iom post iom pliboniĝis, kaj en majo li denove povis senti en la tuta maldekstra parto de la korpo kaj ekde junio ankaŭ la spino estas denove in ordo kaj sendolora. Tiu ĉi estis la unua informprelego en Azio ekster Rusio.

Ne forgesu iĝi Patrono de TEJO! Pagu vian kotizon ĉe la kasisto de UEA aŭ ĉe la giĉeto de TEJO.

# Speciala ekspozicio

Marde je la 11-a horo d-ro Ulrich LINS malfermis ekspozicion pri la historio de la laborista Esperanto-movado en la tria etaĝo de la kongresejo. La ekspozicio estas montrata la duan fojon (post Valencio). Ĝin kompilis kaj financis neesperantista institucio, *Fritz-Hüser-Instituto* en Dortmund (Germanio), kiu kolektas materialon pri kulturaj agadoj de laboristoj kaj cetere daŭre bonvenigas kontribuojn al sia Esperanta sekcio. La ekspozicio estas ĉi-aŭtune montrota en Japanio kaj venontjare en Tampereo (Finlando). Pri la kondiĉoj de la luado informas Ulrich LINS (kn 800).

La Instituto eldonis ankaŭ broŝuron pri la temaro de la ekspozicio, aĉeteblan en la libroservo.

# Tago de la Lernejo

En mardo, la Tago de la Lernejo, sesdeko da kongresanoj kunvenis por informi kaj informiĝi pri novajoj en edukado, precipe rilate al Esperanto. Ron GLOSSOP (kn 428), vicprezidanto de ILEI (Internacia Ligo de Esperanto-Instruistoj), prezidis la eventon. Li aŭdigis sonbendon de kantoj por infanoj verkitaj de Charlotte KOERS, eldonitan de *Infanoj ĉirkaŭ la mondo* en Usono.

Profesoro Catina DAZZINI (kn 36) raportis pri progreso en la akcepto de Esperanto en italaj lernejoj. En tiu ĉi jaro, Esperanto ricevis rajton instruiĝi en bazaj lernejoj de Italio kiel la dua lingvo, post la itala. Oni ellaboras eksperimentan projekton instrui Esperanton al lernantoj 7–10-jaraj, kiel enkondukon al aliaj lingvoj.

Edward SYMOENS (kn 122) kaj Hans ERASMUS (kn 408) raportis pri klopodoj influi politikistojn kaj edukajn gvidantojn en Eŭropo.

Roman DOBRZYŃSKI klarigis pri projekto produkti vidbendon por instrui Esperanton al infanoj (kaj aliaj). Li montris parton jam preparitan de la animita televida lingvokurso *Mazi en Gondolando*. Eblas jam nun antaŭmendi la kompleton je favora prezo; petu detalojn de s-ro DOBRZYŃSKI (kn 935) aŭ en la giĉeto de ILEI.

# Kunvenis filatelistoj kaj kolektantoj

Por la jara kunveno de ELF-AREK lunde kolektiĝis 30 kolektantoj el 12 landoj. Tagordo sub gvido de Lech KOSIENIAK (kn 846) komenciĝis per ĝenerala informo pri ELF-AREK kaj la revuo *La verda lupeo*.

Venis informoj pri novaj Esperantaĵoj en unuopaj landoj. En Ĉeĥio en la jaro 1993 oni uzis du mekanikajn afrank-stampojn de la komuna Ĉeĥa-Germana Kongreso en Karlovy Vary, kaj okaze de la Slovakia Kongreso. En 1991 okaze de 67-a SAT-kongreso estis du afrank-stampoj. En Česka Trebová estis fondita Muzeo pri la historio de E-movado en Ĉeĥio.

En Triesto okaze de Alp-Adria Kongreso (1994 aprilo) estis speciala porokaza E-poŝtstampo. En Ĉinio oni malkovris malnovajn E-stampojn kaj nun preskaŭ ĉiu urbo eldonas porokazajn E-stampojn. Ĉi-jare fondiĝis Esperanta Filatelista Ligo ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Estas preparita porokaza stampo por 80-a UK en Tampereo.

Sekvis amika interŝanĝo de Esperantaĵoj.

# Paroligi partoprenantojn

Konversacian rondon 2 gvidis Julián Hernández ANGULO (kn 795) el Kubo. Renkontinte lian entuziasmon, mia posttagmeza dormemo tute viŝiĝis kiel post la torenta pluvo. Ŝajnis ke mi vidis kaj aŭdis belan koncerton de fama muzikisto, li tiel lerte, tiel entuziasme enigis ĉiujn en sian ŝatatan mondon, Esperantio. Ankaŭ partoprenantoj vole nevole kunfandiĝis en tiu sorĉa kurso. Kiam la kurso finiĝis ĉiuj partoprenantoj unuanime aplaŭdis. Vere impresa kurso ĝi estis. Mi kredas, ke en la venonta kurso (okazonta jaŭdon, julio 28, je 17h00–18h00) tiu ĉambro Espero Shin krevos. Sed, kial ni devas timi tion? Ĉiu-okaze bonvena afero ĝi estas. (SIN Gyŏngsik, kn 795)

# Societo Zamenhof

*Societo Zamenhof* estas grupo de homoj kiuj morale kaj finance subtenas la Esperanto-movadon kaj Universalan Esperanto-Asocion. Je la 18h00 en salono Juniper, en la dua etaĝo de hotelo *Sheraton*, okazos Akcepto por membroj de la Societo. Eblas aliĝi surloke, kaj oni varme bonvenigas novajn membrojn al tiu ĉi eminenta klubo de movadaj mecenatoj. La partoprenontoj kolektiĝu kvaronhoron antaŭ la 18h00 ĉe la hotela liftaro kaj ŝtuparo.

# Kafejeto esperantista

En la fama artista kvartalo *Insa-dong* en Seulo situas unu el la plej simpatiaj kafejoj en Esperantio. Paŝinte tra labirinto da etaj stratoj kun pitoreskaj domoj kaj teejoj, oni trovas malgrandan trinkejon nomatan *Ŭi*, aŭ en Esperanto, *Sur*. Ĝia mastrino, MIN Ĝonĝin, partoprenas la kongreson, sed se vi intencas resti en Koreio post la kongreso kaj serĉas intiman, bonetosan ripozejon por kafumi, teumi, aŭ bierumi, kun afabla mastrino esperantista, la redaktoro de *Kvieta Mateno* rekomendas kafejon *Sur*. Notu, tamen, ke ĝi ne taŭgas por granda grupo — maksimume dudek homoj povas sidi tie, kaj ĝi jam popularas inter seulanoj. Telefonu al 739-5869.

# Esperanto en Afriko

La kunsido pri agado por Esperanto en Afriko okazis la 25-an de julio gvidate de s-ro Horst GRUNNER (kn 299). Partoprenis en ĝi ĉ. 40 personoj, kiuj interŝanĝis spertojn pri la E-movadoj en la diversaj partoj de Afriko. Oni konstatis, ke la kondiĉoj por E-agado, kaj la socia fono de la esperantistoj, multe varias inter la diversaj regionoj de la kontinento.

Konsento estis pri la fakto, ke el Afriko povas veni valora kontribuo al la tutmonda E-movado, do subteno al junaj E-organizoj ja indas. Per celkonscia varbado inter urbaj profesiuloj kaj per forta emfazo pri kvalito anstataŭ kvanto de E-parolantoj, Afrika Agado devas kontribui por evoluigi plejeble memstarajn landajn kaj lokajn organizojn.

Oni konstatis, ke donacoj al la Afrika Fondaĵo de UEA pli utilas ol tiuj al unuopaj petantoj. (kn 299)

## Ginsenga teo

Kongresanoj kiuj scivolas pri la fama korea medikamento ginsengo povas gustumi ĝin en la formo de teo malpli koste ol aĉeti tutan skatolon da kapsuloj. En la sama giĉeto de ginsenga produktaĵa kompanio *Hanil*, oni povas aĉeti skatolon da tuj-farebla ginsenga teo kontraŭ 12 000 ŭonoj.




TEJO-giĉeto troveblas en la granda antaŭhalo en la teretaĝo de la kongresejo. Se vi deziras informiĝi pri la junulara laboro, pri la revuoj ***Kontakto*** kaj ***TEJO tutmonde***, aŭ pri la avantaĝoj de membreco aŭ pri patroneco, venu!

# Kongresa manĝejo

Por eviti la altajn prezojn kaj mankon de Esperanto en la hotelaj restoracioj, multaj kongresanoj preferas la specialan Kongresan Manĝejon, kiun *Sheraton Walker-Hill* aranĝas por la UK. La esperantista restoracio troveblas en la bela salono Sunfloro (*Sunflower*) en subtera etaĝo de la kongresejo. Menuo kaj etoso estas Esperantaj. Tagmanĝo haveblas je la **12h00–14h00**, kaj vespermanĝo je **18h00 – 20h00**. Matenmanĝon oni devos solvi alimaniere, tamen. Bv noti, ke la horoj iom diferencas ol tiuj unue anoncitaj.

# Esenco de la Korea kulturo

La prelego pri la ĉefaj trajtoj de la korea kulturo altiris grandan nombron de scivolemuloj. Ili verŝajne ne supozis, ke krom amason da profunde elstuditaj faktoj kaj difinoj, ili ricevos ĉarman spektaklon, kies aŭtorino kaj plenumistino estis unu el la plej interesaj figuroj de la nuna UK, CHOI Yun Huy, konata kiel *Hortensio*.

La prelego, apud la menciita ĉarmo, estis enpensiga, igis min klini la kapon antaŭ la popolo kun kvin jarmila historio. (Roman DOBRZYŃSKI, kn 935)

# Azia agado 1

Ni havis interkonsenton havi **komisionon pri Azia Agado**, ĉar SO Gilsu (kn 834) venontjare eksiĝos de estraraneco de UEA. Ni diskutis: Ni havu vicprezidanton de UEA pri Azia Agado, kiu ne okupiĝas pri administrado de UEA, sed nur pri movadaj aferoj. Tion ni postulu de UEA. Tamen se tio ne realiĝos, ni nepre havu la komisionon. Ni elektis tri kiel anojn de elektkomisiono: SO Gilsu el Koreio, YAMASAKI Seikô (kn 833) el Japanio kaj ZOU Guoxiang (kn 794) el Ĉinio. Tiu elektkomisiono laboru interkonsiliĝante reciproke. Laŭ ĝia laboro ni ekhavu la komisionon en la venontjara UK.

Puramo CHONG (kn 602) proponas havi **Azian Kongreson**, por ke ni azianoj pli ofte kongresu por praktiki Esperanton. Multaj aprobis lian proponon, kvankam prezentiĝis diversaj demandoj solvendaj: ofteco, kongreslando, rilato al Pacifika Kongreso, ktp. Se la komisiono estos preta, tiam ĝi diskutu ankaŭ pri Azia Kongreso.

Multaj esprimis sian negativan opinion pri **Azia Centro**, ĉar teni la centron kaj konstantan oficiston estas ege malfacile. Ĉiuokaze estis konsentite, ke ni uzu efike nur rentumon de la kapitalo "Azia Fondaĵo" almenaŭ en la nuna stadio. (Dio Ĉieko, kn 527)

Post unutaga paŭzo, kiu donis al la redaktantoj de *Kvieta Mateno* okazon finfine tranokti en lito, ni denove tra la nokto melkas la komputilojn por produkti la aktualan kongresan informilon. Multan dankon al ĉiuj helpantoj kaj subtenantoj:

**redaktoro** : Joel BROZOVSKY (kn 401)
**asistanto** : CHOE Youngsuk (*Najtingalo*, kn 1114)




kongresa kuriero

# Kvieta Mateno

numero 6

1994 julio 29 vendredo

## Komitato: Mark Fettes nova sekretario de UEA

La Komitato de UEA elektis s-ron Mark Fettes al la posteno de la generala sekretario de UEA. Tiu posteno fariĝis vaka en marto, kiam Ian Jackson eksiĝis pro la premo de sia profesio. Malgraŭ sia nova funkcio Fettes plu prizorgos ankaŭ siajn ĝisnunajn fakojn en la Estraro (informado kaj eksteraj rilatoj).

La Komitato akceptis Internacian Komercan kaj Ekonomian Fakgrupon kiel aliĝintan fakan asocion.

Eŭropa Klubo kaj Asocio de Verduloj Esperantistaj estis akceptitaj kiel kunlaborantaj fakaj asocioj. Laŭ rekomendo de la kunsido pri la delegita reto la Komitato decidis ne trakti nun la proponon pri nova regularo pri delegitoj. Estas verŝajne, ke tian regularon oni akceptos en Tampereo, kaj fine de 1995 oni ekzamenos, kiuj el la nunaj delegitoj restos en la delegita reto por la sekvaj tri jaroj. Kun ĝojo la Komitato eksciis, ke la Estraro definitive decidis okazigi la UK-n de 1996 en Prago kaj tiun de 1997 en Adelajdo. Jam pli frue dum la semajno la Komitato akceptis la financajn dokumentojn de 1993 kaj la buĝeton por 1994. La buĝeto implicas etan plialtigon de la baza membrokotizo (t.e. Membro-Abonanto), kiu en 1994 estos 97 guldenoj anstataŭ 95 gld. La laborojn de la Komitato partoprenis 49 komitatanoj el 84. (Osmo Buller, kn 194)

**TEJO estas ankaŭ vi! Membriĝu kaj sperta!**

## Rusia radio temas pri Esperanto

La 28-an de julio radiostacio *"Libereco"* disaŭdigis por la rusaj aŭskultantoj 50-minutan elsendon "Ronda Tablo pri problemoj de Esperanto". Fakte rezultis brila diskutado kun (eĉ!) oficiala oponanto. Ĉeestis moskvaj esperantistoj. Fine sonis kantoj de Esperanto. Ankaŭ nia UK estis menciita! (Jelena Lebedeva, kn 1765)

## La karavano venos!

La 30-an de julio, la lastan kongresan tagon, al la Seula haveno *Inch'ŏn* venos 29 gejunuloj el 10 eŭropaj landoj kaj Aŭstralio. Ilia celo estas la UK en Ch'ŏnan, kaj oni nomas ilin LGT-anoj (partoprenantoj de La Granda Trajnvojaĝo).

LGT ekveturis el Moskvo la 11-an de julio. La 14-an ĉiuj bonorde venis al Krasnojarsk por partopreni en OrSEJT (Orienta Somera E-Junulara Tendaro). La 18-an ĉiuj escepte de mi daŭrigis la vojon al Pekino. La memoro de karaj por mi karavananoj rolas eĉ pli ol la pejzaĝŝanĝoj ekster la trajna fenestro, gastamo de siberiaj esperantistoj, ŝanĝo de manĝkutimoj kaj pluraj aliaj momentoj.

Bonvenon al Koreio kaj sukcesan UK-n en Ch'ŏnan! (Jelena Lebedeva, kn 1765)

## *Monda Kunagado* serĉas kunlaborantojn

Monda Kunagado por Eduko, Scienco kaj Kulturo dum sia informkunsido marde allogis 40-on da personoj. Ni konstatis, ke la organizo bone evoluis, sed por kelkaj projektoj ni bezonas helpon de kunlaborantoj, ekz. de personoj, kiuj pretas aranĝi seminarion pri "Minoritataj lingvoj kaj popoloj" en sia regiono. Ni ankaŭ volas starigi skriban kaj sonbendan dokumentadon de minoritataj lingvoj, speciale de tiuj minacataj de baldaŭa pereo.

Ni ankaŭ serĉas kunredaktoron por nia gazeto *Monda Forumo*, kiu nun ofte malfruas pro manko de tempo.

Se vin interesas kunlabori, membriĝi, aŭ proponi novajn projektojn, anoncu vin al Mark Fettes (kn 791), aŭ al Mårtha Andréasson (kn 725).

## Kongresa manĝejo

Por eviti la altajn prezojn kaj mankon de Esperanto en la hotelaj restoracioj, venu al la speciala Kongresa Manĝejo, en la bela salono Sunfloro (*Sunflower*) en subtera etaĝo de la kongresejo. Menuo kaj etoso estas Esperantaj. Tagmanĝo haveblas je la **12h00 14h00**, kaj vespermanĝo je **18h00 – 20h00**.

## *Najtingalo*

Okaze de la UK en Koreio kaj partopreno de multaj azianoj, la prezo de la unua kaj sola tut-Esperanta sonĝazeto el Azio preskaŭ duoniĝas. Serĉu *Najtingalon* en la libroservo. Jam ankaŭ la 8-a n-ro estas havebla. Ĝi estas interesa kaj kostas nur 5000 ŭonojn. Provu! Redaktoro: Reza (kn 50).

## Programŝanĝoj kaj aldonoj

Jen la plej aktualaj ŝanĝoj en la programo. Bonvolu noti ilin en vian kongreslibron.

### hodiaŭ, vendredo, 1994 jul 29

**Kinoj de Roman DOBRZYŃSKI** prezentiĝos je la **14h00–15h00** en ĉambro **Salt**: unue oni montros la prenan parton de la nove esperantigata animita kino por instrui lingvon al infanoj, *"Mazi en Gondolando"*. Sekvos la kino *"Spuroj de la avo"*, kiu temas pri vizito de d-ro L.C. ZALESKI-ZAMENHOF al lokoj en la nunaj Bjelorusio kaj Litovio, kie lia avo, "d-ro Esperanto", pasigis sian junaĝan tempon. Interalie videblas scenoj pri la inaŭguro de la domo de Aleksandro ZILBERNIK, bopatro de L.L. ZAMENHOF, kiel sidejo de Litovia Esperanto-Asocio.

Je la **16h00–17h30** en salono **Rinĉen**, Lucille HARMON (kn 425) gvidos diskuton pri la kelkaj projektoj fari **vidbendojn por instrui Esperanton**. Bonvenas ĉiuj interesatoj pri la modernigo de E-instruo.

Konatiĝu kun la lando de la venontjara UK: **diapozitivojn pri Finnlando** prezentos la LKK de la 80-a UK en salono **Rinĉen** je la **17h30** (post la programero *"venonta UK"* en Lapenna 16h00–17h00).

La **aŭkcio** (17h30–19h00) okazos ne en Lapenna, sed en salono **Ĵelezo**. Venu por vidi kiajn amuzajn kaj interesajn aĵojn oni pretas vendi por antaŭenigi la mondan Esperanto-movadon!

Mallongan vidbendon pri la **vivo de la uzbeka popolo** prezentos s-ro Gafur MIRZABAJEV (kn 1288) en salono **Hong** (ne Ĵelezo, kiel anoncite en la hieraŭa kuriero) je la **17h15–18h45**. Li ankaŭ montros kelkajn naciajn manlaboraĵojn, kaj plezure aŭdigos kantojn naciajn kaj Esperantajn. Eblos aĉeti memoraĵojn el Uzbekio.

En salono **Hong** je la **18h45–19h00** (tuj post la uzbekia programero) oni prezentos ripete tre mallongan vidbendon pri **atombombitoj en Hiroŝimo**. Eĉ du-minuta sceno impresos vin.

### morgaŭ, sabato, 1994 jul 30

Por la **solena fermo** oni ĝuos la lukson de salonego **Zamenhof**, anstataŭ la anoncita Jelezo, je la **10h00–11h30**.

## Amerika agado

En la 26-a de julio, 23 interesitoj, inkluzive de reprezentantoj el Kubo, Brazilo, Argentino, Meksiko, Venezuelo, Usono kaj Kanado, partoprenis en kunsido pri Esperanto-agado en Ameriko.

La diskuto precipe traktis la problemon de komunikado inter la Esperanto-organizoj en la koncernaj landoj, kaj oni raportis pri interlandaj eventoj okazintaj.

Oni elektis komisionon por kunordigi la informojn inter la diversaj sudamerikaj landoj. La komisionon konsistigas s-ino Symilde Schenk LEDON (Brazilo, kn 250), s-ro Juan Eduardo BACHRICH (Venezuelo, kn 860), s-ino TORRES (Meksiko), s-ro Raúl Juárez SEDENO (Kubo, kn 139) kaj, fine Atilio Orellana ROJAS (Argentino), kiu rolos kiel la ligilo inter la elektita komisiono kaj la UEA-estrarano pri Amerika agado (nun Ulrich LINS, kn 800, gvidinto de la kunveno).

Oni decidis okazigi dum la venontjara UK denovan kunvenon por analizi la rezultojn kaj evoluon de la agado de la komisiono. Ĉiu landa asocio proponos siajn proprajn reprezentantojn por la kunsido en 1995. (Atilio ROJAS, kn 336, kaj Ana MONTESINOS, kn 888)




## Inter-religia konferenco

La ĉeestintoj en IRKE (Inter-Religia Konferenco Esperantista), okazinta mardon posttagmeze, povis kompreni religiajn praktikojn en diversaj landoj. Post enkondukaj vortoj de s-ro Yosimi UMEDA (kn 832), kiu klarigis la signifon de la ĉeftemo: "Ĉu religiaj praktikoj povus transiri naciajn kulturojn?", kvar referantoj prezentis interesajn aktualaĵojn el la religia vivo.

S-ro HIRAI Atuŝi (kn 1496) de Japanio prilumis la inter-religian komunan diservon daŭrantan jam de deko da jaroj inter Oomoto kaj la Episkopala Eklezio, kiu vere malfermis eblon kunlividi la sanktaĵojn. S-ro Sergej ANIKEJEV (kn 894) el Rusio klarigis mikspoton de sep diversaj religiaj praktikoj en la urbo Vladivostoko post malfermiĝo de tiu longe izolita havenurbo, prezentante diversajn epizodojn, kiuj montriĝas pro tusenca invadado de novaj praktikoj ne konataj al la urbanoj. S-ino Thérèse DEPECKER (kn 156) el Francio alflanke substrekis la neceson gardi la toleremon inter malsamaj religioj. S-ro Paul Joseph DE SARZY (kn 1612) el Aŭstralio koncize rakontis pri la simbiozo de la bahaa kredo kaj Esperanto, lige al Lidija ZAMENHOF, kiu sin dediĉis al tiu movado heredante la idealon de d-ro ZAMENHOF.

Antaŭ la fermo de la konferenco ĉiuj ĉeestintoj silente sin okupis per meditado/kontemplado laŭ sia propra maniero. (kn 832)

## Kvizo

Dum pli ol la antaŭviditaj 90 minutoj maratonis en la salonego Lapenna la "Kvizo" (vorto ne en PIV), kies demandojn kunmetis Aldo DE' GIORGI. Preskaŭ cent spektantoj observis la luktadon de kvar tripersonaj teamoj, kiuj respondadis al foje ekstreme malfaciliaj demandoj pri la Esperantaj leksiko, historio kaj literaturo. (Ekz.: Kiam kaj kie eldoniĝis la unua Esperanta poŝtmarko?)

Gajnis nek la teamo "Francaj junuloj" (Rolf ERNST, kn 899, Jorg DE MULDER, Caio Carlos Cruz Ferreira SILVA, kn 1492), nek "Jujuboj" (Paulina Lazarova STOJNEVA, kn 343; SIBAYAMA Zyun'ti, kn 172; kaj GOTOO Hitosi), nek "Ajloj" (BAK Giŭan, kn 589; Probal DAŜGUPTO, kn 1412; Barry SAVAGE, kn 665), sed la pure eŭropa opo "Ruzemaj funeloj" (Jean-Pierre DANVY, kn 83 Herve GONIN, kn 1587; Dieter ROOKE, kn 349, Svislando).

La UEA-estraranino pri kulturo, Michela LIPARI (kn 829, kies nomo mem estis respondo al unu el la demandoj), notis la poentojn, dum Tatuo HUZIMURO (kn 831) reĝisoris la tuton helpe de multaj paperfolioj. Tamen ne li, sed LIPARI kisis la triumfintojn, al kiuj ŝi enmanigis po unu ekzempleron de la Lapenna *"Retoriko"*. (kn 189)

## *"Korea ekspres"*: Perfektaj lingvistoj

Kompreneble esperantistoj interesiĝas ne nur pri Esperanto, sed ankaŭ pri la lingvo de la gastiganta lando. Tial al la lingvokurso de d-ro Bak Giŭan, *"Korea ekspres"*, venis multe pli da homoj ol la kapacito de la salono.

Dum tri posttagmezoj la partoprenantoj lernis la hangulan alfabeton, la plej gravajn vortojn ("mi amas vin!") kaj almenaŭ ricevis ideon pri la gramatiko. La tre interesita publiko tiom diligente lernis, ke Bak Giŭan nur povis konstati: "Vi ĉiuj estas perfektaj lingvistoj". Nu, certe ĉies scio sufiĉis por saluti Koreion: *"Annyŏng-haseyo"*.

## Transponti kulturojn en Azio

La 28-an de julio, s-ro Gotoo Hitosi (kn 473) gvidis laborgrupon 3 kadre de la kongresa temo, rilate al la diverseco de aziaj kulturoj. Oni diskutis pri la eblo de Esperanto funkcii kiel ponto super la baro de diverseco inter la aziaj kulturoj.

Evidentiĝis manko de kulturaj kaj informaj interŝanĝoj inter la aziaj kulturoj, kontraste al relative densa interŝanĝo inter la kulturoj eŭropa kaj azia.

Estis proponitaj kelkaj rimedoj por ŝtopi tiun inform-breĉon pere de Esperanto: pliofti̇gi renkontiĝojn, dediĉi kelkan parton de *Esperanto en Azio* al tiu celo, interŝanĝi kulturajn gazetojn.

## *"Esperanto"*: Legantoj volas prononci

Proksimume 25 legantoj de *"Esperanto"*, venintaj el multaj landoj de Tajlando ĝis Kanado, aŭskultis inter 10h45 kaj 11h45 jaŭde la klarigojn de István Ertl (kn 189), redaktoro de la UEA-revuo, pri sia laboro. Pluraj el la ĉeestintoj legas la revuon jam multe pli longe ol la redaktoro mem, kelkaj eĉ de 3-4 jardekoj. Aperis du interesaj proponoj: Vilmos Benczik (kn 392) rekomendis ke *"Esperanto"* aperigu pli da recenzoj per malpli granda litertipo; Bak Giŭan (kn 589) deziras vidi prononc-indikon post ne-Esperantaj propraj nomoj. Plejparto de la kunvenintoj malaprobis la unuan kaj jesis la duan proponon. (kn 189)

## Utilas legi la kongresan kurieron!

Tiuj, kiuj legis la anoncojn de Kvieta Moteno, povis sperti ion plaĉan: temas pri la programero "neformala babilejo", okazinta en la vestiblo de la tria etaĝo mardon vespere.

Plurnacia grupo ariĝis kun scivolemo. Sub vigla mediteranea temperamento de Elda Doerfler, floris tute spontanea konatiĝa interŝanĝo. Eliĝis el la pluraj laŭ-teme (ne laŭ-eme!) tre malsamaj alparoloj neatenditaj asertoj pri diversnaciaj moroj, kutimoj ... Niajn sekretojn kaj konfesojn ŝi tre bone kapablis eligi de ni. (Anita Perić Altherr, kn 328)

## Fervojistoj: Zorgigas privatigo

Fervojista kunveno okazis la 26-an de julio matene, gvidate de s-ro István Gulyás (kn 818), kun ĉeesto de 31 personoj el 12 landoj.

István Gulyás, vicprezidanto de IFEF, raportis pri la agado de la Federacio, kaj pri la 46-a IFEF-kongreso okazinta en Krems (Aŭstrio). D-ro J. Ferenczy (kn 819), prezidanto de Universala Medicina E-Asocio, prelegis pri la preventa sanitara agado inter fervojistoj. Gulyás parolis pri la fervoja tunelo inter Britio kaj la Kontinento. Poste la fervojistoj pridiskutis i.a. la zorgadon pri la junularo, la fervojistajn skisemajnojn, la venontjaran IFEF-kongreson en urbo Pécs (Hungario), kaj la privatigon de la fervojoj, kiu kaŭzas problemojn por la fervojista E-movado. Kelkaj partoprenantoj tuŝis la temon de la kunlaboro inter la fakaj asocioj kaj precipe kun UEA. (kn 818, 819)

## Vidbendo pri la 79-a UK

Profesiulo preparas vidbendon pri la 79-a UK. Montru al viaj amikoj kaj familianoj kie vi estis! Sendu al loka televido. Mem revidu karajn memorojn, kaj spektu kion vi ne povis surloke vidi en la UK!

Eblas jam nun mendi ĝin ĉe la informa giĉeto. Ĝi kostas 35 000 ŝilonojn, inkluzive de sendkosto per registrita poŝto.

## Spiritaj studoj

La salonon Espero Shin en jaŭdo matene envenis trideko da interesitoj pri kompara studado de religioj. Temas pri jarkunveno de ASISTI (Asocio de Studado Internacia pri Spiritaj kaj Teologiaj Instruoj), faka asocio kunlaboranta kun UEA.

Pro la fakto, ke nur du membroj de tiu asocio ĉeestis, s-ro Yosimi Umeda (kn 832), prezidanto de ASISTI, ŝanĝis la enhavon de la kunveno por celi informi pri tiu neŭtrala faka asocio de studado kaj kunlaborado pri religioj tra la mondo. Post detala pritrakto de la celoj kaj agadoj de ASISTI, kiu vere celas asisti al interesitoj pri komparado kaj serĉado de religiaj malsamecoj kaj similecoj, kelkaj el la ĉeestantoj prezentis la sialandan aktualan situacion de religia vivo en Ĉinio, Brazilo kaj Japanio.

La kunvenantoj ekstudis fine de la kunveno fragmentojn de la travivaĵoj de Budho, esperantigitajn el la sanskrita kaj aperigitajn en la revuo *ASISTIlo*, organo de ASISTI. (kn 832)

## Internacia Ekzameno

Internacian Ekzamenon de UEA/ILEI dum la UK sukcese partoprenis 11 kongresanoj el ses landoj. Multaj ekzamenitoj montris bonan konon de la lingvo kaj movado. La plimulto verkis interesajn eseojn, kiujn ni esperas aperigi en iu movada gazeto.

Ankoraŭ du sesiojn oni okazigos en Koreio — dum la ILEI-konferenco, kaj la UK. (kn 815)

## IKU 2: Terminaroj sciencaj

En IKU-2, lunde la 25-an de julio, Trideko da kongresanoj aŭskultis s-ron Katumori Hirosi (kn 873) prelegi pri "Esperanta terminaro pri scienco por maŝintradukado kun Esperanto kiel pontlingvo".

Post enkonduko li klarigis pri la avantaĝoj uzi Esperanton kiel pontlingvon en maŝintradukado. La Esperantan sistemon *Chaestra* oni kreis en lia laboratorio.

S-ro Katumori parolis ankaŭ pri sia partopreno en la projektoj kompili *Esperantan terminaron de Fiziko*, kaj nun oni jus komencis kompili Esperantan terminaron de aplikata matematiko.

Tiaj terminaroj tre utilas, speciale por interŝanĝi sciencajn informojn, interalie per maŝintradukado.

Kvieta Moteno

# LASTAJ ALIĜOJ

1699 fade-i Pastro Francisko ANDREONI, P.O. Kesto 29 Udonthani 41002, Tajlando
1772 ctrv-ro s-ro Guido CARRAVIERI, Via Branega 13/4, I-16157 Genova Pra', Italio
1773 S-ino Daniela COSTA, Strada Comunale di Bertolla n.5-10156, Torino, Italio
1774 Alexandru ALMASAN, str. Grigore Alexandrescu 45/63, 3400 Cluj, Rumanio

## Kiel afabli tutmonde?

Kadre de la Tago de la Paco, aŭspicie de la organizo Monda Kunagado, laborgrupo diskutis pri la demando *"Kiel tutmonde afabli?"*. Temis pri la kutimoj dum gastado ĉe privata domo.

La diskutoj rilatis al kvin flankoj de la temo.

1) Ĉu la gasto akurate aŭ ĉu tio ne gravas?
2) Ĉu manpremi aŭ alie prezenti sin?
3) Ĉu necesas donaci ion, kaj kion?
4) Ĉu estas malŝatataj diskutemoj?
5) Ĉu estas iu speciala ago necesa, kiel senŝuiĝi?

Kvankam la kunveno daŭris tri horojn, eblis diskuti nur pri 15 landoj. La kontribuoj de la ĉeestantoj multe helpis riĉigi la enhavon de la bazaj tekstetoj haveblaj por ĉiu lando.

*Pasporta Servo serĉas novajn gastigantojn en la tuta mondo! Anoncu vin ĉe TEJO!*

Eventuale, Monda Kunagado publikigos libreton pri la temo. Tio certe interesos la esperantistojn, kiuj ja ofte gastas en domoj ĉie en la mondo. Se vi volas kontribui pri via lando, ni estos pli ol feliĉa respondi al vi. Antaŭdankon!.

Jen kelkaj scindaĵoj malkovritaj dum la laborgrupo:

**Koreio:** Gasto vizitanta domon devas senŝuiĝi. Se vi havas sandalojn, kunportu ŝtrumpetojn en sako ĉar kontindas esti nudpieda.

**Francio:** Se vi donacas vinbotelon, transdonu ĝin al viro, ne al virino.

**Usono:** Kiam oni interkonsentas pri la invito, la gasto demandu, ĉu li kunportu deserton aŭ ion alian.

**Kanado kaj Usono:** Eblas helpi en la preparado aŭ purigado post la manĝo, sed neniam oni tion petu aŭ faru en Koreio aŭ Japanio.

**Ĉinio:** Neniam donacu al ĉino horloĝon ĉar tio signifas malbonŝancon, eĉ morton. (kn 324)

## Ekspozicio pri la laborista Esperanto-movado

Marde je la 11-a horo d-ro Ulrich LINS malfermis ekspozicion pri la historio de la laborista E-movado. La ekspozicio estas montrata la duan fojon (post Valencio). Ĝin kompilis kaj financis neesperantista instituto, Fritz - Hüser - Instituto en Dortmund (Germanio), kiu kolektas materialon pri kulturaj agadoj de laboristoj kaj daŭre bonvenigas kontribuojn al sia Esperanta sekcio. La ekspozicio estos ĉi-aŭtune montrita en Japanio kaj venontjare en Tampereo. Pri la kondiĉoj de la luado informas Ulrich LINS (n-ro 800).




Broŝuro pri la temaro de la ekspozicio aĉeteblas en la libroservo.

## Tago de la Paco

Enkondukante la kunsidon de la Tago de la Paco, Mark FETTES (kn 791) diris ke oni atendas de Azio pli kaj pli grandan influon al la direkto en kiu disvolviĝos la pacmekanismoj kreitaj de neazianoj post la dua mondmilito.

Surbaze de multjaraj spertoj kiel ambasadoro, Ralph HARRY (kn 121) traktis la ses kampojn difinitajn en la Ĉarto de la UN kiel tiujn sur kiuj baziĝas la mondpaco. Temas pri la sendependigado de koloniitaj popoloj, la reunuigado de dividitaj popoloj, la alĝustigado de landlimoj, la stimulado de ekonomioj, la malarmigado kaj la plifortigado de la rajtoj de individuoj. Azio nun povas kontribui pli ol iam antaŭe al la malperforta solvo de pacrilataj problemoj, kaj Esperanto povas ankoraŭ funkcii kiel neŭtrala perilo de la vero.

CHUNG Hwan Gun (kn 1035), aŭtoro de la libro *Nova Mondo*, malavare provizita al ĉiu UK-partoprenanto, skizis sian "Azian vojon al la paco", antaŭvidante novan eraon "de kunekzisto kaj kunprospero" sub la tegmento de monda federo.

HAJAŜI Kazuo (kn 1688) parolis pri speciala temo, la kompensado de alilandanoj mistraktataj de Japanio dum la dua mondmilito.

La postprelega diskuto koncentriĝis precipe al la japana temo, kaj al eventualaj ŝanĝoj de la UN. Oni plurfoje emfazis la rolon de la individuo kiel peranto kaj finfina ĝuanto de la paco. (Philip PIERCE, kn 735)

### Kvieta Mateno ĝisas

Tiu ĉi numero 6 estos la lasta kuriero de la UK. La redaktoro, Joel BRUZOVSKY (kn 401), kaj asistanto CHOE Youngsuk *Najtingalo* (kn 1114), tre feliĉas havi tiun ĉi okazon kontribui al la UK. Ni esperas ke Kvieta Mateno kontentigis la kongresanojn.

Ni deziras danki ĉiujn kongresanojn kiuj alportis al ni informon. Kaj, kvankam Kvieta Mateno ne plu aperos, viaj raportoj estos plu atendataj ĉe la Gazetara Servo por la revuo *Esperanto* de UEA.

Ni volas aparte danki ĉiujn kiuj helpis tajpi kaj korekti manuskriptojn, kaj alie subtenis nin. La listo tro longas por plene publikigi ĉi tie, sed kelkajn ni nepre menciu:

Istvan ERTL (kn 189), KIM Chinsuk *Kvieta* [eĉ ĝis mateno...] (kn 1110), LEE Eunjung *Abelo* (kn 647), KANG Sangbo *Ĉaro* (kn 1120), HIRAI Acuŝi, Marija BELOŠEVIĆ (kn 815), Reza KHEIR-KHAH (kn 50), Dex Ĉieko kaj Hirokaz' (kn 527, 505), kaj Aleksandra WATANUKI. Aparian dankon al la kongreskuriera kuriero Milo KIM (kn 1000), kiu kuradis inter la presejo kaj la kongresejo.

Ni konstatas ke la kuriero ne estas, nek povas esti kompleta raporto de la kongreso, kaj ni petas komprenemon de tiuj kies kontribuoj iel ne sukcesis aperi sur ĝiaj paĝoj. Bv. legi la regulajn E-gazetojn por kompletigi vian scion.

Ĉis revido en Tampereo (kie aliaj faros tiun ĉi taskon!)